XXa jaro. No 290 (10) ☆ Monata ☆ Oktobro 1924

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. | Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. | Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Esperanto oficiale rekonata de la Ligo de Nacioj.

La kvina ĝenerala kunsido de la Ligo de Nacioj alprenis la 20 septembro la jenan rezolucion unuanime:

*„La ĝenerala kunsido de la Ligo de Nacioj rekomendas, ke la ŝtatoj, membroj de la Ligo, konsentu al Esperanto la traktadon kaj tarifojn de lingvo „klara“ en telegrafaj kaj radio-telegrafaj interrilatoj, kiel praktika helpa lingvo de la internaciaj interkomunikoj flanke de la naciaj lingvoj uzataj, kaj atentigas je tiu celo la organizon pri komunikado kaj transito.“*

La tuta afero estis longe kaj eĉ iom pasie diskutata ĉe la dua komisiono, kie mi prezentis la proponon kun subteno de la delegitoj nederlanda, ĉina, japana kaj aŭstralia. Tiun ĉi fojon la franca delegito sin detenis de ĉiu interveno aŭ voĉdono. La brita, brazila kaj jugoslava deziris resendi la tutan aferon al alia komisiono por denova ekzameno. Unu sudamerika delegito proponis forigi la vortojn substrekatajn en la teksto ĉi supre kaj anstataŭi „Esperanton“ per „artefaritaj lingvoj“. La pola raportanto memorigis pri la negativa opinio de la komisiono de intelekta kunlaborado. Malgraŭ tiu opinio la ĉi supra teksto estis fine akceptata de la dua komisiono per dekkvar voĉoj kontraŭ naŭ kaj poste de la ĝenerala kunsido unuanime. Voĉdonis por ĝi en la komisiono la delegitoj aŭstria, aŭstralia, bulgara, ĉeĥoslovaka, ĉina, finnlanda, hungara, itala, japana, nederlanda, norvega, novzelanda, persa, rumana. Al ili koran dankon!

Eble multaj esperantistoj miros, kial ni ligis Esperanton kun telegrafa afero. La kaŭzo estas tre simpla. Demandoj pri lernejoj ne staris sur la tagordo, dum telegrafaj estis. Plie, la decido enhavas elementon pli pozitivan ol simpla deziresprimo pri lernejoj. Ĝi entenas du punktojn.

La unua estas la praktika gajno, dezirita de la Venezia Konferenco, ke Esperanto ne estu plu konsiderata ĉe poŝtoficejoj kiel nura kodo cifera kaj de nun pagu la ordinaran tarifon de lingvo „klara“ (do ordinara, ne cifera). La dua estas la oficiala rekono kaj titoligo de Esperanto „kiel praktika helpa lingvo de la internaciaj interkomunikoj flanke de la naciaj lingvoj uzataj“. La franca teksto eĉ diras *„à titre de langue auxiliaire etc. . . .“*

Kiel prave konstatis ĝin poste D-ro Nitobe, ĝenerala vic-sekretario de la Ligo, tio nun donas al Esperanto oficialan statutecon. Neniu rajtos de nun nomi ĝin ĵargono. Ĝi estas oficiale rekonata homa lingvo flanke de la naciaj lingvoj kun preciza titolo, kiu esprimas laŭvorte la rolon al ĝi dediĉitan de D-ro Zamenhof.

Similan rekonon Esperanto jam ricevis de apartaj registaroj, sed neniam ĝis nun de interŝtata institucio. Pro tio la ĵusa decido de la Ligo de Nacioj signas tre gravan paŝon en la historio de nia lingvo. Ĝi estus ĝojiginta la koron de nia Majstro. Por ni ĝi signifas frukton de longa, tre malfacila kaj zorgiga penado, kiu daŭris kvin dornoplenajn jarojn. Se la rezultato povas helpi kaj kuraĝigi la esperantistaron, nia koro ĝojos kaj nun antaŭen kun certeco!

*Edmond Privat.*

**Lasthore!** **La Svisa Esperanta Societo en sia jarkunveno en Biel, 28 aŭgusto 1924, invitis la XVIIan Kongreson al Genève, 3 aŭgusto 1925, ĉar neniu alia nacia societo invitis.**

 **XVIa Universala Kongreso de Esperanto :: Vieno, 6–14 Aŭgusto 1924** 

# LINGVAJ INSTITUCIOJ.

## Raporto de l' Prezidanto de la Akademio.

Karaj Samideanoj, Julio 1924.

pardonu, se la Prezidanto de la Akademio ne preparis por vi tiun ĉi jaron sian kutiman raporton.

Efektive, ĉia grava laboro estas al li malpermesita de la kuracisto jam de kelkaj monatoj.

Li sekve prezentas simple al vi la raportojn de la tri Direktoroj, sed li deziras aldoni, ke mankas nun nur unu nomo, tiu de ruslingva Akademiano, por ke la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio estu plene reorganizitaj.

Antaŭ la fino de Septembro okazos baloto por la vakanta posteno 11; tiam ĉio estas en definitiva ordo, kaj niaj lingvaj institucioj fine povos tute regule funkcii por la bono de nia lingvo, kies unuecon ili, dank' al libere akceptita disciplino, havas la devon, garantii.

La Prezidanto de la Akademio:
*Th. Cart.*

## Raporto de l' Direktoro de la Sekcio „Komuna Vortaro".

Julio 1924.

Altestimata Sinjoro Prezidanto!

Jen mia raporto, en la nomo de la Sekcio „Komuna Vortaro", kiu konsistas nun, krom la Direktoro, el S-roj Bailey (Manchester), Migliorini (Roma), Millidge (Telpham), Nylén (Stockholm), Bünemann (Hamburg) kaj Solá (Barcelona).

La antaŭe promesita unua kajero de la Oficiala Klasika Libro kun nacilingvaj tradukoj fine jus aperis, post multaj materiaj malhelpaĵoj kaŭzitaj precipe de manko de mono. Tiu ĉi kajero enhavas la francan, anglan kaj germanan tradukojn. Ĝi povas aperi nur dank' al la malavareco de iu el miaj amikoj.

La ceteraj kajeroj, enhavantaj la aliajn nacilingvajn tradukojn kaj respektivajn rimarkojn, aperos sinsekve, per la kunlaborado de kelkaj Akademianoj kaj Lingvokomitatanoj.

La antaŭe anoncita (Raporto al la Praha Kongreso kaj Cirkulero de la Prezidanto de L. K., 20 Decembro 1923) Komisiono por la kontrolo de presotaj nepresitaj verkoj jam funkciis kaj ekzamenis kelkajn literaturaĵojn. Oni povas esperi, ke estonte la vortaristoj, kiuj multe pli influas lingvon internacian ol la romanverkistoj aŭ poetoj, profitos la disponeblan rimedon, por certiĝi pri la taŭgeco de siaj proponaĵoj kaj por sendifekte konservi la unuecon de la lingvo.

La dua anoncita Komisiono por la oficiala ekzameno kaj kontrolo de la senkontrole presitaj verkoj ne funkciis ankoraŭ, ĉar neniu kompetentulo deklaris sin preta por labori.

Inter aliaj mi precipe dankas S-rojn Cart, R. Kreuz, La Colla, Mazzolini kaj Waringhin, kiuj estas por mi multvaloraj kunlaborantoj. Mi tre insiste rekomendas al la atento de la esperantistaro la rimarkindan dulingvan broŝureton de S-ro B. Migliorini, ano de la Sekcio, eldonitan de Paolet, San Vito al Tagliamento, sub la titolo: „Esperanto kaj Interlangue". En tiu ĉi verko la aŭtoro kompetente kaj trafe kritikas la diversajn nunajn provojn de „simpligita latino" kiel internacia lingvo, pruvante, ke „ĉiuj projektoj de lingvo internacia, kiuj identigas la koncepton de internacieco kun tiu de unuavida komprenebleco, kaj kiuj sisteme rifuzas, konvencie difini la formon kaj la signifon de siaj elementoj, povas konduki nur al nekompleta solvo de la problemo".

Same kiel dum la antaŭaj jaroj la L. K. ĝenerale kaj aparte la Sekcio por la Komuna Vortaro estis multe kritikitaj kvankam malmulte helpitaj. La kritikantoj certe ne estas ĉiuokaze malpravaj, sed ili tro forgesas la ĉiuspecajn malfacilaĵojn, kiujn renkontas malproksime loĝantaj diversnaciaj kunlaborantoj; plie, ili ne rimarkas, ke, devigante la Direktoron de la Sekcio al konstantaj senfinaj diskutoj, ili perdigas al li multan tempon, kiun li povus multe pli utile uzi. Neniu vera unueco, neniu serioza laboro estas ebla, se ĉiu esperantisto pretendas, ke ĉiu ajn oficiala kaj regula decido, kiu ne plaĉas al li, devas esti denove kaj denove diskutata, ĝis la L. K. konsentas samopinii kiel li mem. Eĉ se ia decido ne plaĉas al ni, ni devas, per memvola disciplino, provizore senproteste obei kaj, kiel diras Zamenhof, „silenti pri niaj gustoj kaj gustetoj". Donante mem la ekzemplon pri disciplinemo, mi kredas, ke mi iom rajtas, doni tiun ĉi konsilon.

Finante, mi devas rimarkigi al la esperantistaro iun fakton tre gravan kaj tre danĝerigan:

Kelkaj esperantistoj, forgesante, ke la netuŝebleco de la Fundamento estas baza, esenca kaj principa regulo, kiun povas nuligi aŭ malhelpi neniu alia regulo, malprave asignas al la 15a fundamenta regulo amplekson kaj signifon, kiun ĝi tute ne havas, kaj per tia procedo ili similigas Esperanton al Ido. Tamen, en efektiveco, la 15a regularo estas nur malĉefa, akcesora, helpa, pleniga regulo, kaj, se oni rigardas ĝin kiel ĉefan kaj bazan principon, kiu povas kontraŭstari al la netuŝebleco de la Fundamento (kies nepran necesecon konstatante proklamis Zamenhof) kaj kiu povas permesi senliman ŝanĝadon de ĉiuj radikoj de nia vortaro, eĉ de tiuj, kiuj troviĝas en la Fundamento, tiam oni konfuzas la principojn de Esperanto kun tiuj de Ido, kiuj, malgraŭ la malvera aserto de la Idistoj, estas tute kontraŭaj al tiuj de Esperanto, kaj oni danĝerigas nian aferon.

Mi do proponas, ke la Akademio oficiale atentigu la esperantistaron pri tiu ĉi malprava apliko de la 15a regulo.

P-ro *H. Grosjean-Maupin*
Direktoro de la Sekcio „Komuna Vortaro".

## Raporto de l' Direktoro de la Gramatika Sekcio de la Akademio.

Estimata Sinjoro Prezidanto! Julio 1924.

Jen mia raporto pri la laboroj de la Sekcio, kies Direktoro mi estas:

La Gramatika Sekcio de la Akademio nove formiĝis dum Januaro 1924. Ĝia nelonga ekzistodaŭro certe komprenigas, ke ankoraŭ ne povas esti raportate pri konsiderindaj laboroj kaj sukcesoj. Krome, la evoluo de G. S. estis dum kelkaj monatoj provizore haltigata de specialaj cirkonstancoj, kiuj devigis min, uzi ĉiujn fortojn por urĝaj celoj profesiaj.

G. S. konsistas nun, krom la Direktoro, el jenaj sinjoroj: P-ro P. Christaller (Stuttgart); D-ro P. Corret (Versailles); P. de Lengyel (Budapest); P-ro W. E. Collinson (Liverpool); P. Stojan (Kiŝinau).

La limoj de la agadkampo de G. S. estas destinitaj per ĝia nomo kaj per la statuto de la Lingva Komitato. Ĝiaj specialaj taskoj destiniĝas laŭ la ekzistantaj bezonoj.

Kion postulas la esperantistaro de Supera Komisiono pri Gramatiko? Laŭ mia sperto: kontrolon kaj helpon.

La kontrolo povas rilati al la tuta nuna apliko de nia lingvo en la publiko. Ni volas, ke nia lingvo estu uzata pure kaj korekte. Ĉiu esperantisto povas je sia parto zorgi pri tio, diligente lernante la lingvon ĝisfunde kaj instruante neperfektajn samideanojn. Ĝenerale tio sufiĉas, sed en specialaj kazoj montriĝas la bezono, ke aŭtoritata korporacio uzu sian influon por forigo de gravaj malbonaĵoj.

Tia malbonaĵo estus ekzemple, se esperanta gazeto atentinda — eble pro persona prefero aŭ pro nezorgemo de ĝia redaktanto — daŭre pekus kontraŭ iuj reguloj de nia gramatiko, aŭ se de

bonfama aŭtoro aperus libro, en kiu troviĝas konstante uzate formoj gramatike nekorektaj. En tiaj kazoj G. S. povus esplori la aferon, peti de la gazetredaktanto, ke li en la estonta tempo pli konscience redaktu sian gazeton, kaj de la libroaŭtoro, ke li por nova eldono purigu la stilon de sia verko. Krome, G. S. povus publike averti kontraŭ disvastiĝintaj eraroj sur la kampo de la gramatiko.

Por ĉio ĉi certe estas okazo nur malofte. Kontraŭe, laboro oftege necesa, kies ĝisnuna mankado kaŭzis senteblajn malutilojn, estas la kontrolado de la nacilingvaj instrulibroj de Esperanto. Malsano simila kaj preskaŭ tiom disvastiĝita kiel la versfabrikemo, estas la instrulibro-verkemo. Personoj apenaŭ sufiĉe ellernintaj nian lingvon sentas la mision, feliĉigi la mondon per instrulibroj por Esperanto. La antaŭparoloj de tiaj libroj certigas al ni, ke malgraŭ la nedubeblaj meritoj de la kvindek ĝisnunaj instrulibroj ĉi tiulingvaj mankis precize ĉi tiu kvindekunua. Ni eĉ kredu tion, ĉar efektive la multeco de instrulibroj taŭgaj por multaj diversaj klasoj de la popolo, parte ankaŭ adaptitaj al iuj politikaj konvinkoj, akcelas la disvastiĝon de nia lingvo; sed ĉi tiu utilo tute neniiĝas, se la nova libro enhavas multon da gramatikaj eraroj kaj instruas la lingvon en maniero netaŭga.

Ni ne povas malebligi la pluan eldonadon kaj vendadon de nefidindaj gramatikoj, sed ni povas ekzameni la ekzistantajn instrulibrojn, doni niajn notojn al la aŭtoroj por uzo en la venontaj eldonoj kaj en ekstremaj kazoj per severa kritiko publika malrekomendi librojn danĝerajn pro ilia nekorekteco.

Kiel oni en la praktiko efektivigu tiun projekton? Tio ne estas malfacila, se kunlaboras en ĉiuj landoj samideanoj tute spertaj en gramatikaj aferoj kaj perfekte konantaj nian lingvon. Ne estas nepre necese, ke ili estu membroj de la Lingva Komitato, sed estas dezirinde, ke ĉi tiuj komencu. Por detale priparoli la organizon de tia laboro, ne estas la loko ĉi tie. Kiu volas kunlabori, anoncu tion al mi.

La duan grandan taskon de G. S. mi nomis la helpa. Oni povas ĝin nomi ankaŭ la esplora kaj konsila.

Malgraŭ la ega facileco de nia lingvo kompreneble, pro la natura komplikeco de la homa pensaro kaj de ĝiaj per la lingvo donitaj esprimrimedoj, ne mankas ankaŭ en Esperanto lingvaj problemoj. Pri ili aŭdi la science funditajn opiniojn de nepre fidindaj lingvokonantoj, tio estas bezono ĉiam vivanta inter la esperantistoj. Tion montras evidente la oftaj lingvaj demandoj direktataj al D-ro Zamenhof kaj liaj multaj „Lingvaj Respondoj". Ankaŭ ĉiu nur iom eminenta esperantisto povas raporti pri oftaj konsultoj. La Majstro ne povis respondi ĉiun demandon. Kiu povas daŭrigi lian laboron en ĉi tiu afero? Neniu unuopa esperantisto arogos al si tian daŭrigon. Sed la nepersona Lingva Komitato ricevis de la Majstro mem parton de lia aŭtoritato. Post lia foriro ĝi sola restis (krom la esperantistaro kiel tutaĵo) la plej alta instanco en lingvaj aferoj.

Ĉar ne estas eble, ke ĉiun iel gravan demandon respondu per voĉdono la tuta Lingva Komitato, plej bone taŭgas por tio la specialaj sekcioj de la Akademio. La organizo povas esti tia, ke la demandoj en difinita formo estas adresataj al la membroj de la Sekcio. La Sekciano respondas mem, se la demando estas simpla kaj se li ne dubas pri la ĝusta respondo. En aliaj kazoj li aŭ alia Sekciano verkas respondon, kiu antaŭ eliro estas submetata al voĉdono de la tuta Sekcio.

Se la demando havas grandan principan gravecon, la Direktoro de la Sekcio povas voĉdonigi per la tuta Akademio la Lingvan Komitaton. Kompreneble nur en tiu lasta kazo la „respondo" povas havi ian leĝosimilan forton, cetere la respondoj estas nur opiniesprimoj, konsiloj aŭ proponoj de tiu, kiu ilin donas. Ties devo estas, doni la respondojn sur la bazo de la Fundamento, laŭ la spirito de Zamenhof kaj kun ĉiama konsidero al la lingvo-uzo de bonaj aŭtoroj.

Por la orda aranĝo de la laboroj de G. S. provizora regularo estas preparata, kiu post diskuto kaj aprobo de la Akademio iĝos definitiva. Tamen mi bone scias, ke ĉiuj proponoj kaj reguloj estas vanaj, se ilin ne sekvas vigla efektivigo. Ĉi tiu dependas de la personoj destinitaj por ĝi. La unua cirkulero de G. S. estis respondata parte per utilaj kaj esperigaj rimarkigoj, parte per sciigoj, ke la respondanto ne povos uzi multe da tempo por la aferoj de G. S. Jen la problemeco de preskaŭ ĉiu laboro por Esperanto: ĝi estas eksterprofesia kaj do dependas de la hazardaj kvantoj da tempo kaj forto, kiujn lasas liberaj pli urĝaj devoj ĉiutagaj.

Kelkaj personoj sendis al mi prigramatikajn demandojn ĝenerale simplajn, kiujn mi rekte respondis. El la objektoj, kies detala esploro estis petata, mi mencias: Ĝusta uzo de -ata kaj -ita; formiĝo de la vortoj „Esperantujo" kaj „avidata"; plursenceco de la vorto „cento"; uzo de la refleksiva pronomo en dependaj propozicioj.

Mankas nek taskoj nek la volo, ilin solvi.

La Direktoro de la Gramatika Sekcio de la Akademio:
D-ro *Walter Lippmann.*

---

## Raporto de l' Direktoro de la Sekcio „Konkursoj kaj Premioj".

Julio 1924.

Sinjoro Prezidanto!

Mi havas la honoron, sendi al vi mian raporton pri „Konkursoj kaj Premioj" por la XVIa Kongreso:

Nia Sekcio konsistas nun, krom mi, el S-ino Hankel (Dresden) kaj S-roj Isbrücker (Den Haag), Kühnl (Paris), de Ménil (Neuilly s/Seine) kaj Stroele (Neuchâtel).

Laŭ la nova aranĝo de l' Akademia organizo la „Sekcio de Konkursoj kaj Premioj" havas nun apartan komisionon; ĝi prenis sur sin, jam tiun ĉi jaron prezenti al la aprobo de la Akademio kelkajn verkojn, kiuj meritas oficialan atentigon kaj rekomendon.

Post ekzameno de la prezentitaj verkoj, la Akademio decidis aljuĝi tiun honoran rekompencon por 1924 al la du jenaj:

1. „Preter la Vivo", originalaj poemoj de Julio Baghy;
2. „Johano la Brava", de Petöfi, traduko de K. de Kalocsay.

Per tiu honorigo la Akademio deziris ne nur publikigi sian admiron al la fortaj versoj de Baghy kaj al la majstra stilo de Kalocsay en la du cititaj verkoj, ĝi ankaŭ volis esprimi sian ĝeneralan dankon al tiuj du rimarkindaj uzantoj de nia lingvo, kiuj ĝin riĉigis per tre valoraj verkoj.

Ambaŭ estas hungaroj kaj loĝas en Budapest. Ĝuste tie laboras artama grupo da talentaj esperantistoj, kiuj fondis „Literaturan Mondon" kaj sin donis al tre altgusta kulturado de nia literaturo. En nia postmilita epoko, kiam la amasa alfluo de novaj samideanoj alportis en nian bluan akvon iom da grizaj kaj konfuzaj ondoj pro ne ĉiam sufiĉe korekta kaj zorga stilo la beletristika rondo en Budapest ĉiam alte sin tenis, proksime al la plej pura fonto de lingva zorgo kaj eleganteco. Nediskuteble ĝi fariĝis nia ĉefa centro literatura kaj la fluo el Budapest reportis helan bluon en nian lagon.

Estas do agrabla tasko, danki kaj gratuli en la nomo de l' Akademio al du el tiuj bonfarantoj de nia lingvo: Julio Baghy, la sincera poeto, kiu kantis sur nia esperanta liro la grandan suferon de l' milito kaj la brulantan esperon de l' mizera popolo; Kolomano de Kalocsay, kiu revivigis en nia lingvo belajn paĝojn de l' hungara literaturo, sed kiu ankaŭ, en apartaj horoj, sin montris kiel potenca originala poeto en Esperanto. Ambaŭ pruvis, ke nia lingvo povas ne nur melodie sed tre forte kaj trafe esprimi sentojn de l' homa koro en formo imprese bela.

Kompreneble la Akademio devas lasi al ambaŭ aŭtoroj la plenan respondecon pri tiu aŭ alia novaĵo en arto de rimoj, elekto de ritmoj aŭ eĉ uzo de iu aŭ alia vorto, sed ĝi povas nur esperi, ke Baghy, Kalocsay kaj ankaŭ iliaj kolegoj daŭrigos alporti al nia kara lingvo la riĉaĵojn de sia gusto kaj la inspirojn de sia animo.

*Edmond Privat*
Direktoro de la Sekcio „Konkursoj kaj Premioj".

## Raporto de l' Prezidanto de la Centra Komitato de l' Esperanto-Movado.

Post la Kongreso en Nürnberg, dum kiu K. R. kaj UEA konfirmis la liston prezentitan en Venezia, la du nomitaj organizaĵoj submetis tiun liston al voĉdono. La Naciaj Societoj kaj UEA definitive elektis do jenajn personojn:

| | |
|---|---|
| Prezidanteco kaj propagando: | D-ro Privat, |
| Instruado kaj statistiko: | D-ro Dietterle, |
| Financoj kaj juro: | S-ro Page, |
| Internaj aferoj: | S-ro Chavet, |
| Gazet-servoj: | S-ro Hromada, |
| Ekstereŭropaj aferoj: | S-ro Kenn. |

La unua laboro de la Centra Komitato estis la okazigo de la nuna Deksesa Universala Kongreso de Esperanto.

Laŭ la deziresprimo de la Dekkvina la Centra Komitato sin turnis al la Bulgaruja Registaro, por ekzameni la eblecon de kongreso en Sofio, sed la respondo estis, ke en la nunaj cirkonstancoj materiale ne estus eble, akcepti en la Bulgara ĉef urbo kongreson pli vastan ol de kvincent delegitoj. En tiuj kondiĉoj la Centra Komitato, kun granda dankemo al la sindono de la bulgaraj esperantistoj kaj al ilia fidela disciplino, decidis akcepti la inviton de Vieno, kie niaj samideanoj fervore laboris, por sukcesigi la grandan ĉiujaran feston de la esperantistaro.

La dua laboro de la Centra Komitato estis la organizo de teknika konferenco dum la paska libertempo.

La prezidanto vojaĝis al Parizo, por ekzameni la eblecon, okazigi tie duan komercan kaj eventuale sciencan kunvenon. Laŭ opinio de la Parizanoj montriĝis rekomendinde, prokrasti tiun projekton ĝis 1925.

Sekve la Centra Komitato decidis kunvoki anstataŭe laborkunsidon de siaj du elektantoj: la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj kaj la Komitato de UEA. Tiu kunsido okazis en Ĝenevo tuj post Pasko. La plena protokolo aperis en „Esperanto" kaj la akceptitaj rezolucioj estas konataj al ĉiuj. Pri tiuj el la decidoj, kiuj bezonis postan konfirmon de K. R. kaj UEA per skriba voĉdono, tiuj du organizaĵoj mem raportos.

La rapida progreso de nia lingvo en la sferoj de Radiotelefonio instigis la Centran Komitaton, ankaŭ prizorgi koncentrigon de niaj fortoj en tiu rilato. Konsente kun la Svisa Radio-Elektra Societo kaj diversaj aliaj gravaj organizaĵoj, estis kunvokita en Ĝenevo post Pasko la unua Prepara Konferenco por Internacia Interkonsento Radiotelefona.

Granda parto de la ĉeestantaj inĝenieroj scipovis nian lingvon kaj duono de la konferenco okazis en Esperanto kun la efiko tuta natura, konvinki la ceterajn delegitojn pri la taŭgeco de Esperanto. Favora rezolucio estis la rezultato de tiu konvinko.

Partoprenita de inĝenieroj kaj specialistoj el ok diversaj landoj, la konferenco ludis gravan rolon en la radiotelefonia mondo, sed, same kiel por la Ĝeneva kaj la Venezia konferencoj, ĝiaj rezultatoj valoras nur per aktiva postagado kaj inteligenta uzado de la decidoj kaj dokumentoj.

La esperantistaro ne devas kontentiĝi je momentaj brilaj okazintaĵoj; ĝi devas organizi pli zorge la daŭran profitadon el ili laŭ propaganda vidpunkto.

La Centra Komitato ankaŭ delegis D-ron Privat kaj S-ron Kenn al la Internacia Kongreso por Scienca Akcelo de Komercaj Rilatoj en Lyon, kie favora rezolucio ankaŭ estis akceptata post vigla diskuto.

Ĉe la Ligo de Nacioj ni sukcesis, ke la kvara ĝenerala kunsido dum Septembro 1924 ne konfirmis la negativan respondon de la intelekta komisiono kaj restis ĉe la favora raporto de la antaŭa jaro. Iri pli malproksimen, estis ne eble pro la energia kontraŭstaro de la Franca Registaro.

La prezidanto de la Centra Komitato vizitis la urbestron de Lyon, S-ro Herriot — nun la nova ĉefministro de Francujo — por atentigi lin pri la situacio rilate al la internacia progreso de Esperanto, parte ĝenata per tiu kontraŭstaro. S-ro Herriot promesis, nuligi la faman cirkuleron Bérard kaj ŝanĝi la sintenon de la Registaro.

La prezidanto de la Centra Komitato poste vizitis la novan ministron de laboro, S-ro Justin Godard, Honora membro de UEA jam de dekdu jaroj, kaj ricevis denovan promeson, ke la Franca Registaro ŝanĝos sian sintenon rilate al nia movado kaj ne plu baros ĝian progreson ĉe la Ligo de Nacioj.

Laŭ la cirkonstancoj, sed ĉiam ankoraŭ kun granda prudento, la Centra Komitato daŭrigos la agadon ĉe internaciaj institucioj. Dume la uzo de nia lingvo en la Internacia Labora Oficejo daŭras, per nova kontrakto kun UEA por regula publikigo de esperanta bulteno.

La diversaj fakoj de la Centra Komitato povis nur komenci sian laboron post la Ĝeneva konferenco, en Aprilo, ricevinte tie deziresprimojn de UEA kaj de la Naciaj Societoj.

La financa fakestro, S-ro Page, ricevis kelkajn donacojn por la Kaso kaj povis tuj helpi la Akademion, pagi kelkajn elspezojn. La kotizojn de la naciaj societoj kolektis K. R., sed ankoraŭ ne ricevis la Centra Komitato pro diversaj malfruiĝoj. Ni tre esperas, ke la regula financa vivo povos komenci jam de nun kaj ebligi fikson de budĝeto por la nuna vintro. Ĝis nun la Centra Komitato devis esti tre ŝparema, ĉar ĝi ankoraŭ ne havis regulajn enspezojn kaj pro tio ne povis decidi gravajn elspezojn.

La fakestro pri gazetservoj, S-ro Hromada, prezentis detalan planon al la Naciaj Societoj por efika dissendado de novaĵoj. La afero estas nun preta, ekfunkcii, sed restas ankoraŭ pluraj naciaj societoj, kiuj ne respondis pri sia partopreno.

La fakestro D-ro Dietterle, pri instruado kaj statistiko, prezentis ankaŭ detalan planon pri kolekto de precizaj faktoj, datoj nombroj kaj bibliografiaj informoj. Ni rekomendas plej kore al ĉiuj organizaĵoj la respondon akuratan al liaj demandaroj.

La Ĝeneva konferenco decidis restarigi la Internacian Instituton de Esperanto kun konsilantaro entenanta po unu delegiton de ĉiuj naciaj Esperanto-institutoj kaj ekzamenaj komisionoj.

Nia kolego S-ro Kenn bonvolis afable prezenti la Centran Komitaton en diversaj naciaj Esperanto-kongresoj kaj tiel kreskigi la internacian kontakton tiom necesan en nia movado.

La fakestro pri internaj aferoj, S-ro Chavet, utile konsilis la Centran Komitaton pri aferoj de sperto en organizaj rilatoj kaj tre espereble konservos sian partoprenon malgraŭ lia ĵusa deziro, esti anstataŭata pro profesiaj devoj.

La Centra Komitato de la Esperanto-movado dankas la Naciajn Societojn kaj UEA pro ilia fidela kunlaborado kaj deziras, ke la venonta vintro estu por nia afero tre fruktoplena. Nun venis la momento, profiti nian feliĉan koncentrigon de fortoj, por internacie agadi laŭ precizaj planoj en harmonio. Ĉio antaŭvidigas riĉan laboron por tiu ĉi vintro.

Por la Centra Komitato
La Prezidanto:
D-ro *Edm. Privat.*

## Centra Kaso.

Unua bilanco la 1an de Junio 1924.

Enspezo:

Donacoj: F-ino Boon, den Haag, 10 guld.; D-ro Loth, Pabjanice, 500000 pol. mk.; Riga Esp. Soc. 500 rub.; P-ro Ribas, Barcelona, 25 pes.; S-ro Applebaum,

| | |
|---|---|
| Liverpool, 1 £; S-ro Christen, New York, 10 dol.; S-ro H. B. Hastings, Boston, 1 dol.; S-ro Cather, Pt. Said, 5 ŝ.; Unua Amsterdama Esp. Soc. 10 guld.; S-ro Taylor. Haverford, 50 dol. . . . . . . . . | £ 17 : 16 : 10 |
| Subteno de UEA . . . . . . . . . . . . . . | £ 20 : 0 : 0 |
| Subteno de K. R. (ankoraŭ ne ricevita) | |
| | £ 37 : 16 : 10 |

Elspezo:

| | |
|---|---|
| Lingva Komitato kaj Akademio . . . . . . . . | £ 5 : 0 : 0 |
| Propagando ĉe Ekonomia Kongreso en Lyon . . | £ 3 : 0 : 0 |
| Korespondaj elspezoj de prezidanto . . . . . . | £ 2 : 0 : 0 |
| Elspezoj de kasistro . . . . . . . . . . . . | £ 12 : 9 |
| Subteno al Teknika Konferenco . . . . . . . | £ 25 : 0 : 0 |
| Saldo . . . . . . . . . . . . . . . . . | £ 2 : 4 : 1 |
| | £ 37 : 16 : 10 |

Edinburgh, 31, Queen Street. *W. M. Page*, kasistro.

---

## Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj

La 15an de Julio 1924

Por doni sekvon al la decidoj de la Kongreso en Helsinki, reprezentantoj de 21 Naciaj Societoj kunsidis dum la Kongreso en Nürnberg, kiam oni legis la raporton de la provizora prezidanto de Konstanta Reprezentantaro, Generalo Sébert.

Dum tiu kunveno oni ankaŭ elektis estraron, nome: Honorprezidanto Generalo Sébert; prezidanto S-ro John Merchant; sekretario-kasisto S-ro Charles H. Edmonds.

Samtempe oni akceptis liston de proponitaj anoj de la Centra Komitato, nome: S-roj Kenn, Page, Dietterle, Hromada, Chavet kaj Privat. La kuna elektanto de Centra Komitato — UEA — konfirmis tiun liston.

La kunvenintoj studis la financan problemon. En Helsinki oni priparolis bazon, per kiu ĉiu Nacia Societo pagus por ĉiu membro unu dekonon de ordinara individua UEA-kotizo. Diversaj malfacilaĵoj malhelpis la akcepton de tiu principo por la momento, kaj tial por la unua jaro (1923) la kunvenintoj decidis, ke la Naciaj Societoj pagu laŭ kapablo kaj bonvolo, kiel eble respektante la principon de Helsinki.

Akceptinte la oficojn, per kiuj la kunveno en Nürnberg bonvolis nin honori, ni submetis la decidojn de tiu kunveno al la konfirmo de ĉiu Nacia Societo per nia Cirkulero unua de la 14a de Novembro 1923.

Formale konfirmis la decidojn 21 Naciaj Societoj. Krome, 8 aliaj, ne uzinte la demandaron dissenditan, ne respondis pri tiu punkto, sed per posta aliĝo aprobis la decidojn.

Tiu Cirkulero unua plue petis la Naciajn Societojn, pagi kiel eble plej baldaŭ kotizojn por la jaro 1923.

La listo de pagintaj Societoj estas la jena:

| Nomo de la Societo | Membroj | Sumo pagita | Sumo tenata |
|---|---|---|---|
| Svisa E. S. . . . | 350 | Sv. Fr. 100 | £ 3 : 19 : 5 |
| Brita E. A. . . . | 1200 | £ 30 : 0 : 0 | „ 30 : 0 : 0 |
| Pola E. S. . . . . | 100 | Pol. M. 500000 | „ 5 |
| E. S. de Finlando . | 228 | F. M. 250,80 | „ 1 : 8 : 8 |
| C. Dana E. L. . . | 225 | D. K. 114,50 | „ 4 : 3 : 7 |
| Itala E. F. . . . . | 800 | I. Liroj 100 | „ 19 : 4 |
| Brazila L. E. . . . | 210 | Fr. Fr. 200 | „ 2 : 10 : 3 |
| Kalifornia E. A. . . | 40 | U. S. Dol. 4 | „ 10 : 1 |
| Aŭstralazia E. A. . | 172 | £ 2 : 2 : 0 | „ 2 : 2 : 0 |
| Ĉeĥoslovaka A. E. | 600 | Ĉ. K. 500 | „ 3 : 2 : 6 |
| G. E. L. en Ĉeĥosl. | 1000 | Ĉ. K. 100 | „ 13 : 0 |
| Nederlanda S. E. . | 300 | N. Florenoj 75 | „ 6 : 8 : 9 |
| Sveda E. F. . . . | 320 | Sv. Kr. 50 | „ 2 : 19 : 8 |
| Franca (S. F. P. E.) | ? | Fr. Fr. 146,50 | „ 1 : 14 : 9 |
| Bulgara E. S. . . . | 600 | Sv. Fr. 50 | „ 1 : 19 : 3 |
| Aŭstruja E. D. . . | ? | £ 2 : 0 : 0 | „ 2 : 0 : 0 |
| E. A. de Estonio . | 400 | E. M. 810 | „ 9 : 0 |
| Donacita de S-ro Edmonds . . . . . . | | | „ 1 : 5 : 0 |
| | | | £ 66 : 13 : 8 |

| | |
|---|---|
| Deprenu koston de leterpapero, kovertoj, cirkulero, poŝtelspezoj . . . . . . | „ 1 : 5 : 0 |
| Neta Sumo restanta je eventuala dispono de Centra Komitato rilate al la jaro 1923 | £ 65 : 8 : 8 |

Du Societoj promesis, pagi sumon por la jaro 1923, sed ĝis nun ne faris tion.

Anoncis sin pretaj, pagi por la jaro 1924 (sed ne por la jaro 1923): Japana E. I., Germana E. A., Kataluna E. F., Hungarlanda E. S., Riga E. S., Rumana E. S., Norvega E. L. kaj Litova E. A.

La Cirkulero dua, elsendita je la 1a de Marto 1924, anoncis la konfirmon de la estraro de K. R. kaj de la anoj de Centra Komitato. Tiu Cirkulero ankaŭ alvokis la Naciajn Societojn al partopreno:

1e en komuna kunveno de K. R. kaj UEA (elektantoj de C. K.), por diskuti la sekvojn de la Kontrakto de Helsinki, precipe rilate al rimedoj por pli intima kunlaborado inter UEA kaj la Naciaj Societoj;

2e en konferenco de Naciaj Societoj, por aranĝi detalojn pri eksperimenta instruado de Esperanto al diverslandaj komercistoj;

3e en kunveno de K. R., por diskuti pri diversaj internaj aferoj, ekzemple: bazo de kotizoj, voĉdonsistemo, financa jaro ktp.

La kunvenoj okazis en Ĝenevo je Pasko, kaj plena protokolo pri ili aperis en „Esperanto“ por Majo 1924.

La decidoj de la aparta kunsido de K. R. pri internaj aferoj estas la jenaj:

La financa jaro de K. R. komencas kun kalendara jaro, sed la Societoj devas pagi sian kotizon antaŭ la 1a de Julio; alimaniere ili ne rajtos voĉdoni depost tiu dato, ĝis ili pagos.

Por la kuranta jaro la kotizo de Naciaj Societoj estas fiksata je 10% de la UEA-kotizo (simpla membro) por ĉiu membro de la Societo.

La Societoj, kiuj tiom ne povas pagi, rajtos pagi pli malaltan kotizon je minimume la duono, sed kun proporcia malpliigo de la voĉdonrajtoj.

Por ne fermi la pordon al Societo, la estraro de K. R povas escepte fiksi po unu jaro kotizon sub la minimumo, interkonsentante kun petinta Societo. Tiam la voĉdonrajto estos ankaŭ proporcie malpliigata.

La estraro tion faru nur post atenta esploro de la cirkonstancoj.

Intertempe ĉiuj Societoj pristudu la demandon pri estonta pli definitiva pagsistemo kaj sendu pri tio koncizajn opiniojn al la estraro de K. R., por ke oni povu prezenti la tutan aferon kiel eble plej klare al la Kongreso de 1925.

En la komuna kunveno de K. R. kaj UEA okazis diskuto pri Artikolo 4 de la Kontrakto de Helsinki, kiu rilatas al la organizo de la universalaj kongresoj. Post plena diskutado la jena nova teksto estis akceptata per alvoka voĉdono por la modifota Artikolo 4:

La Centra Komitato okazigas la universalajn kongresojn kaj komisias ilian lokan aranĝon al loka organiza komitato.

La komuna kunveno decidis, ke tiu proponata ŝanĝo devas esti poste submetata al balota konfirmo-skribo de K. R. kaj UEA.

La Cirkulero tria sub dato 14a de Junio 1924 petis la Naciajn Societojn, konfirmi la decidojn de la konferencoj en Ĝenevo kaj samtempe voĉdoni pri la proponata ŝanĝo en la Kontrakto de Helsinki.

Pri la respondoj ni raportos detale dum la Kongreso mem, kiam ni ankaŭ raportas pri la kotizoj jam pagitaj ĝis tiu dato por la jaro 1924.

Dankante la Naciajn Societojn por ilia helpema subteno, ni esprimas la deziron, ke en K. R. ili trovu la necesan ilion por pli intima kunlaborado por la progresigo de nia afero ĉiulande.

*John Merchant*
Prezidanto
Sheffield, Anglujo.

*Charles H. Edmonds*
Sekretario-Kasisto
Welwyn Garden City, Anglujo,
21, Russellcroft Road.

## Korektigo.

S-ro *Poncet*, Lyon, petis korekton en la protokolo de la kunsido de l' XVIa Kongreso, mardo, la 12an de aŭgusto („Esperanto", N-ro 288—289, paĝo 143), ĉar du frazoj de alia parolinto aperis erare sub lia nomo. Tiu korekto estos farita en la definitiva teksto de la protokolo aperonta kiel aparta broŝuro.

# Protokolo de kunvenoj de Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj

## dum la XVIa Kongreso de Esperanto en Vieno 1924.

La unua kunsido de la K. R., dum la deksesa Kongreso de Esperanto okazis ĉe Koncerthaus, Vieno, la 7an de aŭgusto 1924.

Prezidas: S-ro John Merchant, prezidanto de K. R., kiu malfermas la kunsidon per alvoko al la Reprezentantoj sin anonci.



S-ro D-ro EDMOND PRIVAT S-ro JOHN MERCHANT

☞ Anoncas sin la jenaj:

Brita E. L.: S-ro John Merchant
Ĉeĥoslovaka A. E.: Prof. D-ro Kamaryt
G. E. L. en Ĉeĥoslovakio: S-ro Taŭbmann
Danziga E. A.: S-ro Aeltermann
C. Dana L.: S-ro Blicher
Franca (S. F. P. E.): S-ro Poncet
Germana E. A.: S-ro D-ro Steche
Hispana (Federacio Zamenhof): S-ro Mangada-Rosenörn
Nederlanda S. E.: S-ro Isbrücker
Itala E. F.: S-ro Reni
Kataluna E. F.: S-ro Sola
Rumana E. S.: S-ro Fischer
Svisa E. S.: D-ro Privat.

La sekretario-kasisto atentigas, ke Danziga E. A. kaj Hispana Federacio Zamenhof ne rajtas voĉdoni en la kunveno, ĉar tiuj du societoj ne pagis la kotizon por 1924.

La prezidanto memorigas la kunvenon pri la propono fari ŝanĝon en artikolo 4 de la kontrakto de Helsinki.

Tiu propono estas farita en la komuna kunveno de K. R. kaj UEA en Helsinki je Pasko kaj poste submetiĝis al skriba voĉdono de la naciaj societoj.

Ĝis la 1a de julio ĉiu societo rajtis voĉdoni pri la propono, sed depost tiu dato nur la societoj, kiuj pagis la kotizon, havas tiun rajton. Li petis ĉu iu Reprezentanto ricevis instrukciojn voĉdoni pri la propono en la nuna kunveno laŭ la kvara cirkulero de la estraro.

Kelkaj Reprezentantoj utiligas la okazon kaj poste la sekretario-kasisto legas la liston de aprobintaj societoj jene:

| | | |
|---|---|---|
| Brita | 1200 | voĉoj |
| Svisa | 200 | „ |
| Itala | 150 | „ |
| Saarteritoria | ? | „ |
| Estona | ? | „ |
| Nederlanda | 300 | „ |
| G. E. L. en Ĉeĥoslovakio | 350 | „ |
| Hungara | ? | „ |



S-ro CHARLES H. EDMONDS

| | | |
|---|---|---|
| Aŭstra | ? | voĉoj |
| Ĉeĥoslovaka A. E. | 250 | „ |
| Rumana | 220 | „ |
| Kataluna | 250 | „ |
| Dana | 200 | „ |

Li anoncas, ke Germana E. A., deziris lasi la proponon ĝis nova diskutado en la nuna kongreso. S-ro D-ro Steche reprenas tiun deziron kaj anoncas, ke G. E. A. hodiaŭ konsentas kaj oni tial aldonas ties nomon al la listo, kun voĉoj 824.

S-ro Mangada-Rosenörn anoncas, ke Hispana Federacio Zamenhof ankaŭ aprobas la ŝanĝon.

S-ro Poncet plendas, ke pro tio, ke Franca S. F. P. E. ne ricevis tagordon por la nuna kunveno, li ne ricevis instrukciojn,

La sekretario-kasisto atentigas, ke la cirkulero de K. R.. estis sendita al S. F. P. E., ĉe 51 rue de Clichy, Parizo, kaj la bonan ricevon de tiu cirkulero pruvas la fakto, ke la kasistino de S. F. P. E. respondis al li pri alia ero en ĝi. Li ankaŭ atent-

igas, ke, ĉar S. F. P. E. nur pagis la kotizon en tiu sama tago, ĝi eĉ ne rajtis ricevi la cirkuleron.

La prezidanto demandas, ĉu S-ro Poncet povas voĉdoni pri la propono, kaj S-ro Poncet respondas, ke li devas sin deteni, ĉar li ne ricevis instrukciojn.

D-ro Privat proponas, S-ro prof. Kamaryt subtenas kaj ĉiuj konsentas, ke la naciaj societoj devos elekti Reprezentanton, kies adreso valoras por ĉiu okazo.

D-ro Privat poste anoncas en la nomo de UEA, ke UEA ankaŭ akceptis la proponitan ŝanĝon kaj komunikis la decidon al Centra Komitato. Kiam Centra Komitato ricevos la komunikon de la estraro de K. R. pri la akcepto, la ŝanĝo fariĝos valida.

Oni legas leteron de S-ro Warden, prezidanto de Konstanta Kongresa Komisiono pri la proponita ŝanĝo, sed konsentas, ke la kontraŭstaro de S-ro Warden pri la propono devenas de neĝusta interpreto de la faktoj.

La Reprezentantoj decidas denove kunveni la 9an de aŭgusto, je la 11a horo.

*

La dua kunsido de K. R. okazis la 9an de aŭgusto, je la 11a horo.

Prezidas: S-ro John Merchant, prezidanto de K. R.

Anoncas sin la jenaj Reprezentantoj:

Brita E. A.: S-ro Merchant
Ĉeĥoslovaka A. E.: Prof. D-ro Kamaryt
G. E. L. en Ĉeĥoslovakio: S-ro Taŭbmann
C. Dana L.: S-ro Blicher
Franca (S. F. P. E.): S-ro Poncet
Germana E. A.: S-ro D-ro Arnhold
Hungarlanda E. A.: S-ro Balkanyi
Itala E. F.: S-ro Reni
Kataluna E. F.: S-ro Sola
Latvia-Riga E. S.: S-ro Bergtals
Nederlanda S. E.: S-ro Isbrücker
Pola E. S.: S-ro Kostecki
Rumana E. S.: S-ro Fischer
Svisa E. S.: S-ro Privat.

La sekretario-kasisto legas la protokolon de la unua kunsido, kiun oni unuanime akceptas.

La prezidanto legas kopion de letero, kiun la estraro hieraŭ transdonis al la Centra Komitato, laŭ la jena teksto:

Sekve de la komuna konferenco de K. R. kaj UEA en Ĝenevo je Pasko, kiu akceptis proponon pri ŝanĝo en la kontrakto de Helsinki, nome, ke la nova teksto de paragrafo 4 de la kontrakto estu, „La Centra Komitato okazigas la universalajn kongresojn kaj komisias ilian lokan aranĝon al loka organiza komitato“, ni havas la honoron komuniki al vi, ke la estraro de K. R. submetis tiun proponon al la skriba voĉdono de la naciaj societoj kun rezulto, ke 15 societoj ĝin aprobis. Unu societo sin detenis de voĉdono, kelkaj ne voĉdonis.

Ni memorigas al vi, ke K. R. kaj UEA, estante la du kontraktintoj havas plenan rajton fari ŝanĝon en la kontrakto de Helsinki, do, kiam vi havos similan aproban komunikon de UEA la ŝanĝo fariĝos definitiva.

Post unuanima aprobo de tiu letero, D-ro Privat, la prezidanto de Centra Komitato, konfirmas ĝian ricevon kaj anoncas, ke li ankaŭ ricevis la aproban voĉdonon de UEA. Tial de nun Centra Komitato funkcios rilate al la universalaj kongresoj, sed pro persona estimo al S-ro Warden oni deziras, ke li daŭre agadu dum la nuna kongreso.

D-ro Privat, ankoraŭ kiel prezidanto de Centra Komitato, sciigas, ke S-ro Chavet eksiĝis el membreco de la Centra Komitato.

La sekretario-kasisto legas leteron de S-ro Chavet al la estraro de K. R., sub dato 16an de februaro 1924, sciigante pri lia eksiĝo. La kunveno esprimas koran bedaŭron pri la eksiĝo de S-ro Chavet, kiu antaŭ la milito faris multon por la movado, kaj kiu eĉ dum la malfacilaj postmilitaj tempoj faris sian eblon.

La prezidanto atentigas pri la sistemo de elekto de anstataŭanto, nome, ke la elekto estas komuna afero de K. R. kaj UEA. Estos necese submeti nun proponotan nomon aŭ nomojn al skriba voĉdono de la naciaj societoj. Li petas proponojn.

S-ro D-ro Dietterle proponas, ke la nova membro ankaŭ estu franca. Li dankas al la francaj pioniroj de la movado kaj opinias, ke pro diversaj celoj, interalie pro propagandaj celoj, nia Centra Komitato devas enhavi francon.

D-ro Privat komunikas, ke S-ro Chavet proponas la elekton de S-ro Warden.

S-roj Merchant kaj Edmonds subtenas D-ro Dietterle. Kvankam la ses membroj de Centra Komitato ne estas elektataj laŭ nacieco, ne estas bone, ke du britoj troviĝu inter la ses membroj. Troviĝas ankaŭ en Francujo agemaj laborantoj por la movado. S-ro Edmonds proponas la nomon de S-ro Rollet de l' Isle.

S-ro Hromada subtenas tiun proponon pro la du kaŭzoj nomitaj de D-ro Dietterle.

La prezidanto petas la opinion de UEA.

S-ro Rockmann, en la nomo de la Komisiono de UEA, diras, ke UEA konsentis principe, ke franco anstataŭu la ĝisnun sidintan francon, sed rezignis pri propono de nomo. Ĝi do volonte konsentos la proponon de K. R.

S-ro Sola subtenas la ideon, ke la nova membro estu franco, sed deziras la opiniojn de la franca societo.

La prezidanto petas S-ron Poncet por la opinioj de la francoj.

S-ro Poncet dankegas al S-ro D-ro Dietterle ne nur por la propono pri franco sed ankaŭ por la afablaj vortoj per kiuj li esprimis ĝin. Li ne povas esprimi opinion de la Franca Societo pri la nomo, sed persone scias, ke S-ro Rollet de l' Isle havas grandan laborkapablon kaj taŭgas por la ofico.

La prezidanto S-ro Merchant atentigas, ke ne la britoj faris la proponon pri S-ro Warden, sed franco. La britoj certe ne ŝatus havi en la Centra Komitato du personojn el sia nacio, kaj krome li estas certa ke S-ro Warden ne akceptus pro la sama kaŭzo.

Oni voĉdonas pri la demando ĉu aŭ ĉu ne elekti alian francon kaj unuanime konsentas, ke la nova membro estu franco.

La prezidanto petas, ĉu oni deziras proponi aliajn nomojn krom tiu de S-ro Rollet de l' Isle. Neniu propono alvenas kaj oni tial voĉdonas pri la nomo de S-ro Rollet de l' Isle, kaj unuanime akceptas la proponon.

La sekretario-kasisto starigas la demandon pri elekto de nova estraro, atentigante, ke la kontrakto de Helsinki mem ne difinas periodon, kaj ke, kiam oni elektis la nunan estraron en Nürnberg, oni ne limigis la periodon de ĝia agado.

D-ro Privat diras, ke la Centra Komitato interpretas la saman periodon por la estraro de K. R. kiel por la Centra Komitato, nome tri jaroj. Tamen, kiam K. R. starigas sian internan regularon, kion ĝi devas fari laŭ la kontrakto de Helsinki, ĝi povas difini periodon. Intertempe li proponas, ke la nuna estraro daŭrigu sian agadon, kaj ĉiu konsentas pri tio.

La prezidanto dankas en la nomo de la estraro por la fido montrata en ĝi, kaj certigas el sia propra sperto en la movado en Britujo, ke en la juna sekretario-kasisto de K. R. oni havas efektive energiegan laboranton, kiu neniel ŝparos sin en la penado sukcesigi la novan organizon. Tiu sekretario-kasisto estas efektive ekster la Reprezentantoj mem, kio estas permesata laŭ la kontrakto de Helsinki, kaj scias agadi senpartie kaj nepersone. Tiujn vortojn de la prezidanto la Reprezentantoj aplaŭde subtenas.

S-ro Edmonds, la sekretario-kasisto, kortuŝe dankas, ne nur por la vortoj de S-ro Merchant, sed ankaŭ por la multaj amikaj elmontroj, kiujn li ricevas de ĉiuj flankoj senescepte, kaj promesas fari sian eblon en la lin honorinta ofico al kiu oni elektis lin.

Oni transiras al la afero de interna regularo. D-ro Privat klarigas, ke tion devas starigi K. R. laŭ la kontrakto de Helsinki mem, kaj ankaŭ laŭ tiu kontrakto, Centra Komitato devas publikigi ĝin. Centra Komitato devas eldoni libron kun la Bulonja Deklaracio, Kontrakto de Helsinki, Regularo de Centra Komitato, Regularo de K. R. kaj la Regularo de la Kongresoj.

Li petas, ke la sekretario-kasisto donu siajn ideojn pri tiu regularo.

La sekretario-kasisto klarigas, ke ne estas facile starigi modelan regularon, ĝis la sperto mem montris, post iom da praktikado, la bezonatajn decidojn. Tamen, oni jam antaŭvidas diversajn difinotajn aferojn. Regularon oni ne povas facile starigi en kunveno. Li tial proponas, ke la estraro, interkonsiliĝinte kun kelkaj juristaj helpantoj, starigu projekton pri regularo, kiun oni dissendu al ĉiu nacia societo por opinioj. Ricevinte la opiniojn la estraro dissendu ĉion por voĉdonado skriba.

La prezidanto petas opiniojn de la Reprezentantoj pri tiu plano kaj S-ro Isbrücker diras, ke la plano estas iom tro komplika, kvankam plene demokrata.

D-ro Privat proponas, ke la prezidanto petu ideojn nun, por ke la estraro verku projekton kaj dissendu ĝin por voĉdono.

La prezidanto akceptas la proponon kaj petas ideojn.

S-ro Poncet diras, ke li havas instrukciojn de Franca Societo, ke ne estu nur unu Reprezentanto de ĉiu societo.

La prezidanto klarigas, ke por starigi tiun principon oni devus ŝanĝi la kontrakton de Helsinki. Li tamen proponas, ke ĉiu Reprezentanto havu apud si anstataŭantojn, kiuj povas paroli pri specialaj temoj sed ne voĉdoni.

D-ro Privat proponas enkorpigi tion en la Regularo starigota.

S-ro Fischer parolas pri la voĉdonrajto. Kiel oni povas kontroli la nombron de membroj? Societo povas pagi por pli da membroj ol ĝi havas por akiri pli grandan voĉdonrajton, kaj aliflanke, societo povas pagi por malpli da membroj ol ĝi havas kaj tamen konservi sian rajton paroli pri ĉiuj aferoj.

S-ro D-ro Arnhold konsentas, ke ekzistas danĝero, ke societo certigu pli da membroj ol ĝi efektive havas, tiel ĝi povos havi tro grandan voĉon.

S-ro Isbrücker proponas, ke oni petu nomarojn de membroj. Tiun ideon oni malakceptas pro la laboro necesa.

D-ro Privat atentigas pri jam akceptita rekomendo, ke ĉiu societo sendu provizon da esperantaj resumoj pri sia jara raporto al la estraro por interŝanĝo inter la membraj societoj de K. R. Li petas, kiom da societoj sendis laŭ tiu rekomendo. Ŝajne neniu. Oni konsentas, ke K. R. rekomendu la proponon.

S-ro Fischer diras, ke la raporto ne sufiĉas.

S-ro Hromada respondas, ke la bilanco povas esti enmetata. Tion oni aprobas.

D-ro Arnhold rekomendas, ke kongresa kotizaĵo enhavu rabaton por membro de UEA kaj plian rabaton por membro de nacia societo.

La prezidanto konigas proponon en letero de E. A. de Estonio, ke ĉiuj naciaj societoj, aliĝantaj al K. R., pagu al ĝi kvinon de sia ĝenerala kotiza enspezo.

La sekretario-kasisto atentigas pri la rezolucio Ĝeneva pri financoj de K. R., kiu petas la naciajn societojn pristudi la demandon pri estonta pli definitiva pagsistemo kaj sendi pri tio koncizajn opiniojn al la estraro, por ke oni povu prezenti la tutan aferon kiel eble plej klare dum la kongreso en 1925. Li atentigas, ke ĝis nun li nur ricevis opinion de la Societo Estona. Li havas la ideon postuli la opiniojn de la aliaj societoj per baldaŭ dissendota cirkulero. Kiam li havas ĉiujn opiniojn li celas ilin multobligi maŝinskribe por dissendo, por ke ĉiu societo havu la opiniojn de ĉiuj aliaj. Por faciligi la laboron la opinioj tamen estu koncizaj.

S-ro Merchant atentigas, ke la britoj ne povas akcepti la proponon de la Societo Estona.

S-ro Hromada, membro de la Komisiono studinta la aferon en Ĝenevo, diras, ke K. R. devas fari budĝeton kaj tiam peti kotizon laŭ UEA-kotiza bazo.

S-ro D-ro Arnhold atentigas, ke la bazo de Ĝenevo estas tiu de Helsinki. Oni konsentis tie, ke ĝi estas la plej bona bazo.

La sekretario-kasisto diras, ke, por ke K. R. faru budĝeton, estus unue necese, ke Centra Komitato faru budĝeton. Li tamen trifoje petis budĝeton de Centra Komitato, sed ne ricevis.

D-ro Privat klarigas, ke Centra Komitato ne povis fari antaŭbudĝeton ĝis oni sciis proksimume kiom K. R. enspezas. Estus ridinde, ke oni faru grandiozan budĝeton por bagatela sumo, sed detalan bilancon prezentis la Centra Komitato en la Kongresa Libro. Li aludas pri la fakto, ke por la unua fojo oficialaj institucioj krom UEA donas kontojn. Li poste klarigas la bilancon de Centra Komitato kaj petas, ke K. R. ne postulu antaŭbudĝeton por tiel malgranda sumo. Centra Komitato, tamen, povas fari proporcion por la elspezoj.

S-ro D-ro Dietterle rimarkas, ke la bilancoj estas en brita mono, kaj petas, ke oni prefere kalkulu laŭ svisaj frankoj.

D-ro Privat klarigas, ke S-roj Page kaj Edmonds, la kasistoj de la du institucioj estas britoj kaj devas teni monon en la banko ktp. en brita mono. Sed en la presaĵoj oni povas doni la sumojn en svisa mono.

S-ro Blicher rimarkas en la bilanco de Centra Komitato pri pago farita al ĝi de UEA. Je kia bazo oni kalkulas tion?

D-ro Privat klarigas, ke laŭ la kontrakto de Helsinki Centra Komitato ricevas subvencion de UEA. Tamen, krom tio, UEA eldonas siakoste la Jarlibron de le movado, helpas pri sekretarioj por la Centra Komitato ktp. Li demandas ĉu UEA ankaŭ montru tion en la kalkuloj.

Prof. D-ro Kamaryt subtenas tiun ideon. Oni sciu kiom kostas la administrado.

S-ro Fischer diras, ke, se oni nur vidas subvencion, oni ne komprenas kiom efektive donas UEA.

D-ro Privat memorigas, ke laŭ la kontrakto de Helsinki la Centra Komitato havas la devon nun eldoni la oficialajn dokumentojn de la movado. La sekretario-kasisto de K. R. atentigis al li, ke ĝis nun Centra Komitato ne aperigis la raportojn de la lastaj kongresoj.

La sekretario-kasisto parolas pri tiu temo kaj insistas, ke ankaŭ Centra Komitato devas, eĉ antaŭ ĉiu alia, obei la leĝon. Estas necese, ke ĝi eldonu la raportojn ne aperintajn, kiu devas esti presataj en sama formato kiel la antaŭaj raportoj. Eble malmultaj personoj legas tiujn raportojn, kiuj tamen estas bezonataj por konservi la historion en la bibliotekoj. Ili ankaŭ estas treege utilaj por ebligi al personoj studi la historion oficialan de la movado. Li mem konservas la tutan serion kaj antaŭ ol veni al la nuna kongreso li denove legis ĉiun raporton de la Bulonja ĝis tiu de Praha. La aliaj mankas. Se la Reprezentantoj ne donas al li specialan ordonon li pagos neniun monon al Centra Komitato ĝis tiuj raportoj aperas.

D-ro Privat konsentas kaj laŭdas tiujn rimarkojn, sed rimarkas, ke Centra Komitato ne povas pagi por la eldono de la raportoj, se nek la kongresoj, nek K. R. donas al ĝi la necesan monon. Kion do fari?

La sekretario-kasisto antaŭvidis tiun malfacilaĵon kaj proponas, ke K. R. ĉiam malfruiĝu iomete rilate al pagoj al Centra Komitato. Nuntempe K. R. havas la kotizojn de la Naciaj Societoj por 1923. K. R. nun vidis la raporton de Centra Komitato pri sia agado, kiun ĝi certe ne malaprobas. K. R. tial povas nun pagi al Centra Komitato ĝian enspezon por 1923. Post la kongreso en 1925 kiam K. R. ricevis alian raporton de Centra Komitato ĝi povas pagi al Centra Komitato la enspezon por 1924 ktp.

Tiun proponon ĉiu aplaŭde akceptas.

D-ro Privat diras, ke se Centra Komitato estas responda por la eldono de la kongresaj raportoj, ĝi estus devinta ricevi la monon kiun la okazintaj Kongresoj en Helsinki kaj Nürnberg flankenmetis por tiu celo. Tiun monon la kongres-organizintoj pagis for al K. K. K., sed la raportoj ne aperis.

Prof. D-ro Kamaryt surpriziĝas pri la mona afero. Li estis ano de K. K. K., sed nenian sciigon ricevis pri tiu afero.

S-ro Hromada atentigas pri la sistemo de K. K. K.

S-roj Poncet, Isbrücker, Delanoue parolas pri la temo.

S-ro D-ro Dietterle proponas, ke oni oficiale deklaru en la Kongreso, ke ĉiu profito de la kongresoj apartenas al Centra Komitato.

D-ro Privat diras, ke la Centra Komitato havas la opinion ke la afero tiel perdigas al ni tempon, ke ne valoras plu daŭrigi la diskutadon. Ni lasu la tutan aferon kiel prahistorion. La organizintoj de la Kongreso en Nürnberg ankoraŭ havas malgrandan sumon. Ili donu tion al Centra Komitato por la presigo de la raportoj kaj tiam ni finu pri la afero.

S-ro Edmonds subtenas la ideon ke oni ne plu diskutu.

D-ro Privat formale petas al S-ro Hönigsberger, kiu ĉeestas, ĉu li en la nomo de la Nürnberga Komitato povas konsenti pagi la monon restantan al Centra Komitato.

S-ro Hönigsberger diras, ke se estas laŭleĝe li tion faros.

La Reprezentantoj konsentas, ke tiu estas la laŭleĝa agadmaniero kaj dankas al S-ro Hönigsberger.

D-ro Privat anoncas, ke S-ro Feith deziras fari paroladon en la Kongreso pri defendo de Esperanto ĉe lingvaj kontraŭuloj. Li proponas, ke la Reprezentantoj kunvenu denove vespere, por aŭdi S-ron Feith, kaj ke ili konduku al la kunveno laŭeble la propagandistojn kaj instruistojn el siaj landoj en la Kongreso. Plue ne venis invito por Kongreso en 1925. Estas en la manoj de Centra Komitato eĉ decidi, ke ne okazu kongreso dum la venonta jaro, sed antaŭ ol fari ian decidon la Centra Komitato deziras esplori la eblecojn en ĉiuj landoj kaj aŭdi la opiniojn de la Reprezentantoj. Tiun temon oni ankaŭ enmetu en la tagordon de la kunveno vespera.

La prezidanto petas ĉu oni akceptas tiun proponon kaj oni unuanime konsentas.

*

La 9an de aŭgusto vespere okazis la 3a kunsido de K. R. ĉe kiu ankaŭ kunsidis propagandistoj kaj instruistoj diverslandaj.

S-ro Feith parolas pri la bontaktika defendo de Esperanto ĉe lingvaj kontraŭuloj. La prezidanto, S-ro Merchant, dankas al S-ro Feith en la nomo de la kunveno kaj petas lin, verki artikolon pri tiu temo, kiun la estraro povos dissendi al la Naciaj Societoj por ilia informo.

Sekvas la demando pri la estontaj Konferencoj kaj Kongresoj.

Principe oni decidis okazigi Konferencon en Parizo dum printempo 1925 kaj Universalan Kongreson en Britujo en 1926. Ne venis invito por 1925, sed pri tiu afero Centra Komitato petos la opinion de kongresa kunsido.

*Charles H. Edmonds.*
Sekretario-kasisto.

---

## Raporto de la Prezidanto de la Konstanta Kongresa Komisiono.

Estas mia devo, raporti al la XVI-a Kongreso pri la funkciado de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, aŭ Konstanta Kongresa Komisiono (K. K. K.) dum la periodo inter la XV-a kaj XVI-a Kongresoj.

La XV-a Kongreso en Nürnberg per plimulto da voĉoj esprimis la deziron, ke la XVI-a okazu en Bulgarujo, en la urbo Sofio, prefero ol en Vieno, el kiu urbego ankaŭ estis ricevita grava invito. Iom poste, tamen, la invitintoj en Sofio pro diversaj kaŭzoj devis rezigni pri sia propono. La Centra Komitato do decidis okazigi la XVI-an Kongreson en Vieno; kaj en oktobro lasta ĝia Prezidanto sciigis tion al mi por ke la K. K. K., al kiu laŭ la Kongresa Regularo estas komisiataj la ĝeneralaj preparoj, povu plenumi sian taskon kun la kunlaboro de Loka Kongresa Komitato (L. K. K.) en Vieno.

En la komenco estis komunikataj al mi la nomoj de la L. K. K. jene:

Unua Prezidanto: S-ro Johano Schröder.

Dua Prezidanto: S-ro Otto Simon.

Tria Prezidanto: S-ro Oscar Zimmermann.

Ĉefsekretario de la L. K. K., kaj Organizanto de la XVI-a: S-ro Franz Schade.

Aliaj anoj, por diversaj fakoj: S-roj Walter Smital, Josef Schamanek, Eugen M. Haisler, Karl O. Sikor, Ferdinand Hartwich, Edmund Sós kaj Franz Zwach..

Oni proponis, kiel reprezentantojn de la XVI-a en la K. K. K. S-rojn Schröder kaj Simon, por okupi la lokojn de la du anoj por la XIV-a elirintaj. Ili estis akceptitaj, kaj la K. K. K., kies konsiston (laŭ mia lastjara raporto de 24-a de Julio 1923) aprobis la XV-a Kongreso, tiamaniere pleniĝis, jene:

Honora Prezidanto: Generalo H. Sébert.

Prezidanto: J. M. Warden.

Vicprezidanto: Edmond Privat.

Ĝenerala Sekretario: Gabriel Chavet.

Kuratoroj de la Kongresa Kaso: Generalo Sébert kaj J. M. Warden.

Anoj por la XV-a: R. Ledermann kaj O. Pilhofer.

Anoj por la XVI-a: J. Schröder kaj O. Simon,

La K. K. K. interrilatinte kun Vieno, trovis ke la L. K. K. frue komencis labori energie por prepari la Kongreson kaj jam pripensis kelkajn novajn ideojn por nia ĉiujara festo. Kiel kutime, la unua tasko de la K. K. K. estis fiksi la daton de la Kongreso kaj la kotizon de kongresanoj. Post zorga konsiliĝo kun la L. K. K. ni fiksis la daton 6 — 14 de aŭgusto, kun speciala rilato al la cirkonstancoj de la programo skizita de la L. K. K. Pro la ankoraŭ neordinara valuto en multaj landoj la kotizon oni aranĝis same kiel en la lastaj jaroj, rezervante tamen al la L. K. K. la rajton ŝanĝi, se necese, la kotizon por landoj kun nefiksa kurzo.

Por gvidi al la L. K. K. en la prepara laboro de la Kongreso kaj por evitigi kelkajn erarojn de iuj antaŭaj kongresoj, la K. K. K. pretigis specialan Instrukciaron. La kompiladon de tiu Instrukciaro el la arkivoj de la K. K. K. ni ŝuldas al la sindona laboro de S-ro Chavet, kiu estis ĝenerala sekretario de la Komitato dum multaj jaroj kaj havis vastan sperton pri kongresaj aferoj. Ĝia celo estas, plisimpligi la laborojn de lokaj komitatoj. La Viena L. K. K. raportis al mi, ke ĝi jam trovas la Instrukciaron tre valora; kaj espereble ĝi ankaŭ utilos por venontaj kongresoj. Simile, por gvidi la aranĝantojn de fakkunvenoj okazontaj dum la Kongreso, S-ro Schade pretigis alian instrukciaron, por klarigi iliajn celojn, labormetodojn ktp. Tiu dokumento ŝajnas ankaŭ tre utila.

La L. K. K. proponis por la programo de la Kongreso iom malsaman aranĝon ol okazis ĝis nun; nome, ke en la komenco estu nur interna malfermo de la Kongreso, kun kunsidoj de fakkonferencoj, poste en la mezo de la kongressemajno granda publika Esperanta manifestaĵo, kaj en la finaj tri tagoj la ordinaraj laborkunsidoj de la Kongreso. Pro la motivoj antaŭmetitaj de la L. K. K., la K. K. K. konsentis al la propono, por ke la nova aranĝo estu provita ĉitiujare.

Kun granda bedaŭro mi devas raporti al la Kongreso la eksiĝon de S-ro G. Chavet al la ofico de ĝenerala sekretario de la K. K. K. Kiam, laŭ la peto de D-ro Zamenhof, oni starigis la Esperantistan Centran Oficejon en Parizo en 1905, S-ro Chavet fariĝis ĝia Sekretario. La dua Kongreso (Ĝenevo 1906) kreis Konstantan Ĝeneralan Sekretariejon de la kongresoj. De tiu dato S-ro Chavet estis unu el la kongresaj sekretarioj. En 1909 li fariĝis Ĉefsekretario de la Kongresoj kaj Ĝenerala Sekretario de la K. K. K., kaj li estis reelektita de ĉiuj sinsekvaj kongresoj. Dum preskaŭ dudek jaroj, do S-ro Chavet fervore kaj lojale laboris por la Esperanta movado, doninte sian tutan forton por ĝia antaŭenigo. En februaro lasta li sciigis al mi, ke pro siaj aliaj profesiaj okupoj, kiuj jam lasis al li neniom da tempo disponebla por Esperanto, li devis kun granda bedaŭro peti la akcepton de lia neatendita eksiĝo, kiu lasis nin en granda embaraso.

Pri la tagordo de la XVI-a Kongreso, mi devas raporti, ke la sola speciala demando ĝis nun ricevita por esti priparolata ĉe la Kongreso, estas propono de la Pola Esperanto-Asocio (antaŭe Pola Esperantista Societo), pri disciplino rilate al lingvaj aferoj. Ĝia teksto estas:

Konsiderante, ke multaj Esperantistoj ne tute konformiĝas en la praktika uzado de la lingvo Esperanto, al la lingvaj opinioj de la Akademio de Esperanto kaj de la Lingva Komitato:

Konsiderinte, ke, post la morto de la kreinto de Esperanto Doktoro Lazaro Ludoviko Zamenhof, la ambaŭ suprecititaj institucioj estas la plej alta aŭtoritato en la aferoj de la lingvo Esperanto, al kiu ĉiuj Esperantistoj devas submetiĝi en la nomo de unueco de nia lingvo, havanta tiel grandan signifon por ĝia plua disvolvo kaj propagando:

La XVI-a Universala Kongreso de Esperanto turniĝas al ĉiuj Esperantaj organizoj kaj gazetoj kaj al ĉiuj individuaj Esperantistoj, kun peto kaj postulo, ke ili konformiĝu al ĉiuj lingvaj opinioj de la Akademio kaj de la Lingva Komitato.

En unueco nia forto!

Krome, la Kongreso ricevos, kiel aranĝite per la interkonsento de Helsinki:

Raportojn de la Oficialaj Institucioj (L. K. kaj Akademio, K. K. K., K. R., UEA, kaj C. K.);

Komunikojn de rezolucioj de Fakkunsidoj;

Invitojn por estontaj kongresoj.

La definitivan tagordon de la laborkunsidoj fiksos la K. K. K. en sia kunsido antaŭ la komenco de la Kongreso.

8 julio 1924

*J. M. Warden,*
Prezidanto de la K. K. K.

# AL NIAJ KUNLABORANTOJ

**Oni sendu la manuskriptojn, kronikaĵojn, anoncojn ĝis la 15a de ĉiu monato por apero en la sekvanta monato.**

# FAKAJ KUNVENOJ.

## Ruĝa Kruco.

Kiel estis anoncite en la „Kongresa Bulteno" okazis sabaton matene la faka kunveno de la Esperanta Ruĝa Kruco. Kapable estris D-ro Edmund Sós el Vieno, kiun la ĉeestantoj unuanime elektis kiel prezidanton. Partoprenis en la kunsido S-ino Zamenhof, kiu montras konstantan intereson al tiu ĉi tutmonda movado.

S-ro Rudolfo Horner, la delegito de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco en Genève, koncize raportis pri la progresoj de la laboro dum la lasta jaro. Li klarigis la novan konstitucion de la esperantistaro en la rondoj de la Ruĝo Kruco. Ekzistas nun delegitoj esperantistaj en 14 landoj, kaj la Hispana Nacia Societo oficiale rekomendas en siaj novaj statutoj la lernadon de Esperanto en la hispanaj grupoj.

La jenaj rezolucioj estis proponitaj, diskutitaj kaj akceptitaj:

La membroj kaj geamikoj de la Ruĝa Kruco, partoprenantaj en la XVIa Universala Kongreso de Esperanto en Vieno el diversaj landoj, havas la honoron respektplene submeti al la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco en Genève la sekvantajn rezoluciojn:

1. La anoj de la faka kunsido de la Ruĝa Kruco deziras esprimi dankon al la Internacia Komitato en Genève pri la helpo dum la jaro kaj ĝia reprezentado ĉe la Universala Kongreso en Vieno kaj pri la bonvola akceptado de la rezolucioj de la kongreso en Nürnberg (vidu: Revue Internationale de la Croix-Rouge, N-ro 59, novembro 1923, pp. 1129—1130).

La anoj ankaŭ petas, ke la Internacia Komitato sendu delegiton al la venonta universala kongreso.

2. La esperantistoj bedaŭre konstatas, ke multaj el la naciaj centraj komitatoj ne dissendas al la lokaj grupoj la internaciajn sciigojn. Ili urĝe petas, ke la Internacia Komitato en Genève konsideru kaj studu la metodojn, per kiuj oni povos vigligi la naciajn grupojn, por ke ili havu internacian spiriton kaj pli perfektan interŝanĝon de ideoj, klopodoj kaj laboroj de paca tempo, se eble en la internacia helplingvo Esperanto.

3. La esperantistaj Ruĉkrucanoj de la kongreso en Vieno kore gratulas la hispanajn societojn pri la oficiala rekomendo de la lernado de Esperanto flanke de la Hispana Nacia Komitato kaj esperas, ke tiamaniere iliaj membroj povos pli efike servi la homaron.

4. Estas dezirinde, ke ĉe la universalaj kongresoj de Esperanto okazu du specialaj kunvenoj de la Ruĝa Kruco: 1. Kunveno de la delegitoj el diversaj landoj por prepari la naciajn raportojn. 2. La ĝenerala kunveno de la membroj kaj amikoj de la movado.

5. Ĉiu ano de la Internacia Esperantista Ligo de la Ruĝa Kruco devas esti membro de loka aŭ nacia Ruĝkruca societo. Kie ne ekzistas loka aŭ nacia grupo, la Internacia Komitato en Genève devas esti konsultata.

6. La faka kunveno tre bedaŭras, ke S-ro D-ro Halmagyi, kiu laŭdinde laboris dum la tuta jaro, estas malsana, kaj ĝi sendas al li plej korajn bondezirojn por lia resanigo.

7. La partoprenantoj de la Viena Faka Kunveno petas, ke la Loka Kongresa Komitato konsultu la prezidantojn de la fakaj kunvenoj antaŭ la anonco de la kunsidoj en la Kongresa Bulteno.

8. La delegitoj de la diversaj landoj formas kun la delegito de la Internacia Komitato en Genève la Konstantan Komitaton de la fakaj kunvenoj de la Ruĝa Kruco.

*Alison A. Nicol,* sekretarino.

## Kunsidoj de TEKA.

La 8an de aŭgusto 1924 okazis la unua kunveno de kuracistoj, prezidata de D-ro Sós, Wien. Sekretario D-ro Austerlitz, Bardiov. Ĉeestis 22 partoprenantoj el: Anglujo, Aŭstrio, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakio, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Hungarujo, Jugoslavio, Polujo. La P-ron Vanverts kaj D-ro Briquet oni nomigis honoraj membroj de la TEKA. Poste havis sciencajn prelegojn la D-roj: Austerlitz (Ĉeĥoslovakio) pri mankoj en scienca edukado de la kuracistoj; Blassberg (Polujo) pri simpla metodo de sukerdifinado en la sango dum kuracado per insulino; Primmer (Skotlando) pri subhaŭta injektado de homa sero kaj Sós (Aŭstrio) pri la gingiva piorheo.

La 12an de aŭgusto estis dua kuracista kunveno, kiun ĉeestis 8 tekanoj el Aŭstrio, Anglujo, Francujo, Hungarujo, Jugoslavio, Polujo. Alvenis ankaŭ D-ro Theunen el Wien, la prezidanto de la Viena kuracista ĉambro, kiel reprezentanto de la Viena kuracistaro. Post bonvenigaj paroladoj oni vigle pridisputadis pri plivigligo de la TEKA kaj elektis por unu jaro komitaton, konsistante el D-ro Blassberg, Kraków, kiel prezidanto; D-ro Sós, Wien, kiel kasisto kaj D-ro Crlenjak, Zagreb, kies tasko komuna estas propagandi por la TEKA, kunmeti monon kaj la liston de kuracistaj esperantistoj de tuta mondo.

*

### Alvoko
### al ĉiulandaj kuracistoj kaj medicinstudantoj.

Ni insiste petas vin energie propagandi por la TEKA. Ne ekzistu en la mondo ia ajn kuracisto aŭ medicinstudanto ne apartenanta al la Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio. Subtenu ĝin laŭ via eblo per libera sendado de mono por ke ni povu komenci la antaŭmilitan vivon kaj disvolviĝadi. Sendu al ni la adresojn de ĉiuj konataj de vi, kuracistoj kaj studantoj kaj sendepende sen nia perado instigu ilin al laboro por la TEKA. Monon sendu al D-ro Sós, Wien (Aŭstrio), I Tuchlauben 18. Adresojn kaj proponojn al D-ro Blassberg, Kraków (Polujo), Starovslna 18 aŭ D-ro Crlenjak, Zagreb (Jugoslavio).

Ĉiuj gazetoj estas petataj represi tiun ĉi alvokon.

---

## Kunveno de Bankoficistoj.

En la salono de la Sindikato de aŭstriaj bank- kaj Ŝparkasoficistoj, la 8an de aŭgusto 1924, la 14 kunvenintaj gesamideanoj el Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Franclando, Germanujo, Hungarujo, Pollando, post salutado de S-ro D-ro Satter, reprezentanto de la Sindikato de la Aŭstriaj Bank- kaj Ŝparkasoficistoj kaj post duhora diskuto, decidis sendi al ĉiuj bankoficistaj asocioj kaj sindikatoj la sekvantan rezolucion:

La prepara internacia konferenco de esperantistaj bankistoj kaj bankoficistoj, kunvenintaj en Wien, la 8an de aŭgusto 1924, okaze de la XVIa Universala Esperanto-Kongreso;

Konvinkiĝinte pri tre taŭga uzebleco de la lingvo Esperanto ĉe ĉiuj bankaferoj, alvokas la bankentreprenojn, bankistojn kaj bankoficistajn asociojn laŭgrade enkonduki la uzon de Esperanto en siajn negocajn kaj societajn interrilatojn;

Sciiĝis kun kontenteco, ke S-ro Georges Delanoue, el Paris, 4 rue Charles Divry, XIV, komisiite de la L. K., perlaboras la bankfakterminaron kun kunlaborantoj el landoj: Britujo, Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Franclando, Germanujo, Hungarujo kaj Pollando, kaj alvokas bankfakulojn el aliaj landoj tuj interrilati kun li, fondis provizoran bankfakan centron, kies provizora estro estas S-ro Delanoue kun delegitoj en la supre menciitaj landoj. Gekolegoj el aliaj landoj anoncu vin ĉe S-ro Delanoue, kiel delegitoj.

Komunikiĝos ĉiujn decidojn de la provizora centro en „Esperanto" kaj „Internacia Komerco" kaj petas ilin represigi en nacilingvaj fakaj kaj asociaj gazetoj.

*Wien*, 8 aŭgusto 1924. Protokolita de S-ro *Rajm. A. Cech.*
WIEN IX/1
d' Orsaygasse N° 7/23.

---

## Studenta Fakkunveno

sub la protekto de rektoro de universitato **Johano Döller**.

La prezidantaro konsistis el:

Friedrich Wilh. Illing el Vieno, kiel prezidanto
F-ino Lidia Zamenhof el Varsovio (Polujo), vicprez.
Teiso Esaki el Fukuoka (Japanujo), vicprez.
Gunĉo Gunĉev el Sofio (Bulgarujo), vicprez.
Jakob Wizenb rg el Varsovio (Polujo), esper. sekret.
Georg Braunger el Karlsruhe (Germ.), germ. sekret.

Je la propono de kolego Ernst Sonnenfeldt (Vieno) kaj post la diskutado en kiu partoprenis D-ro E. Sós, ĉefdelegito de UEA en Vieno kaj prof. Frans Návljan el Zagreb (Jugoslavio) kaj post lasta plibonigo de kolego Stanislav Folman el Varsovio (Polujo) oni decidis fondi sendependan „Universalan Studentan Esperantan Asocion" (U. S. E. A.) kun Centra Komitato en Varsovio. Centra Komitato devas esti elektota laŭ rajtigilo de Studenta Fakkonferenco de Varsoviaj esperantistaj studentoj kaj konsisti el 3 studentoj (prezidanto, sekretario, kasisto). Centra Komitato havas taskon projekti regularon de U. S. E. A. Kiel konsilantojn la Studenta Fakkonferenco elektis 4 studentojn:

K-on Teiso Esaki, el Japanujo;
„ Gunĉo Gunĉev, el Bulgarujo;
„ Elio Migliorini, el Italujo;
„ Leopold Grimme, el Aŭstrujo.

Tiamaniere estraro de U. S. E. A. konsistos el 7 personoj. Rilate supran rezolucion oni proponis transdoni ĝisnunan materialon al Varsovia Centro.

Ĉiuj gestudentoj, kiuj interesiĝas pri U. S. E. A. sendu provizore sian adreson al F-ino Lidia Zamenhof, Varsovio (Polujo), Królewska 41, kiu transdonos la adresaron al la elektota sekretario de U. S. E. A. Aliaj rezolucioj, kiujn aprobis studenta Fakkonferenco estas jenaj:

1. ke la instruado de Esperanto estu enkondukota en la mez- kaj altlernejoj de ĉiuj landoj;
2. ke la mez- kaj altlernejaj akademiaj grupoj kaj studentaj korporacioj, dezirantaj faciligi la internacian trafikon inter la akademiaj sferoj, helpu al la rapida disvastigo de Esperanto kiel internacia helpa lingvo;
3. ke la mez- kaj altlernejoj, kiuj ankoraŭ ne estas konvinkitaj pri la oportuneco de la unua kaj dua propono almenaŭ ekzamenu la demandon kaj faru eksperimentojn;
4. la estraro rekomendas al ĉiuj studentoj esperantistaj labori science por Esperanto.

La priorganizan diskutadon malfermis tri referatoj de Vienaj studentoj. Kolego Sonnenfeldt parolis pri praesperanta lingvoformo kaj konkludo el ĝi, W. Illing pri la problemoj kaj vojoj de la esperanta scienco. Kolego A. Mildwurf referis pri la internacia studenta movado. Li alvokis la studentaron, ke ili penu propagandi Esperanton en la internaciaj sciencaj asocioj same kiel enirigi ĝin en la internaciaj kongresoj de tiu aŭ alia scienca fako. Resumante la taskoj de la fondita U. S. E. A. li diris: nia devo estas

1. praktika: unuigo de ĉiuj studentoj, uzantaj Esperanton por ĉiuspeca praktika profesia interservado;
2. scienca: elvolviĝado de fakaj sciencoj per Esperanto;
3. propagando de Esperanto en studentaj rondoj.

Dum la propagandaj paroladoj parolis inter aliaj P-ro Odo Bujwid el Krakovo, Polujo, rektoro Friedrich Krieger, Stettin, Germanujo kaj P-ro Eroŝenko, universitato en Peking (blindulo) kiu deziris tradukojn de sciencaj verkoj precipe de sociologaj kaj naciekonomiaj verkoj por la praktika uzado en la universitatoj de Ĉinujo, kie oni ankaŭ prelegas esperantlingve.

*G. Gunĉev. Teise Esaki. Jakob Wizenberg.*

*

## Raportoj de diversnaciaj studentoj.

El **Raporto de bulgara studento** (Gunĉo Gunĉev, Sofio) ni eksciiĝis, ke en Bulgarujo ekzistas 2 studentaj esperantistaj societoj: unu en Sofio (universitato) kaj unu en Varna (komerca akademio).

Al Sofia Societo apartenas 40 membroj. Okazis 5 propagandaj bulgarlingvaj paroladoj en universitato kaj 3 internaj paroladoj por membroj (unu en Esperanto). Ekzistas kelkaj apartaj kursoj. Kunvenoj en universitata salono.

Al Varna Societo apartenas 25 studentoj. Okazis 3 paroladoj en bulgara lingvo. Kurso kun 50 kursanoj ĉe akademio. La societo posedas propran bibliotekon kun ĉirkaŭ 100 esperantlingvaj libroj pri komercaj aferoj.

**Raporto de itala studento** (Elio Miglio.ini, Romo).

Sufiĉe vigla movado, ĉiam pli kreskiĝanta, ekzistas nur en la urboj, kie universitataj profesoroj interesiĝas pri nia afero.

En Bari (komerca altlernejo) multe helpis la klopodoj de profesoro Sacalendole (?), nun prezidanto de itala federacio.

La loka grupo (Esperanto Balkana Akademio) celas disvastigi Esperanton en balkanaj ŝtatoj por la studentoj, kiuj venas el tiu regiono studadi en Italujon. La esperantistaj studentoj estas ĉirkaŭ 60.

En Romo nun en tiu ĉi jaro (1923—24) kelkaj universitataj studentoj aliĝas al la loka grupo. Ili estas proksimume 10.

**Raporto de japana studento** (Teiso, Esaki, Fukuoka), laŭ originala raporto.

En Japanujo ni ĉiam suferas tre multe pro la lingvaj demandoj. Unuvorte ni ne nur devas paroli diversajn lingvojn alilandajn sed ankaŭ uzi terure komplikatajn literojn. Tial ni devas lerni en la elementa lernejo almenaŭ 120 japanajn kaj pli ol 2000 ĥinajn literojn. Tio ĉi nur estas malŝparo de energio. Pro tio aperis movado por uzi la latinajn literojn anstataŭ la japanajn aŭ ĥinajn. Kvankam kompreneble tie estas multaj personoj, kiuj havas tiun ideon, tamen tiu ĉi movado ĉiam malsukcesas. La plimulto de ĥinaj literoj uzataj en la japana lingvo ne havas signifon el ilia elparolo, kaj oni povas sciiĝi iliajn signifojn nur vidante la literojn mem.

Alilanke, dum la demandoj de la literoj ne estis ankoraŭ solvitaj, la esperanta movado jam estis vaste disvastigita en la tuta lando.

Por japanoj kiuj tute ne lernis la lingvon eŭropan, Esperanto estas iom malfacila por lerni, sed tiuj kiuj lernis la anglan, germanan aŭ francan lingvon en la mezlernejo, povas plej facile eklerni la Esperanton, kaj ne alian alilandan lingvon.

## RADIO

### „Dek minutoj de Esperanto"

Stacio Hamburg, Ondolongo 387, Merkredo, la 15 oktobro p. m.

Farita de S-ro KARL MINOR.

## Vegetara Ligo Esperantista.

Faka kunsido en Vieno, la 12. 8. 1924, 9a horo.

La kunsidon prezidis S-ino Julia Isbrücker el Hago; protokolis S-ro Petr Mitkov el Pleven, Bulgarujo. La prezidantino legis raporton de la ĝenerala sekretario-kasisto Bünemann, kiu pro ripozbezono ne povis ĉeesti, kaj raportis pri la vegetara movado en la tuta mondo, kie estas anoj de la ligo.

Poste S-ino Isbrücker raportis pri la disvastiĝo de vegetarismo en Nederlando, kaj S-ro Mitkov raportis pri la vegetara movado en Bulgarujo. Li diris, ke la movado estas tre disvastigita en Bulgarujo; ekzistas tie proksimume kvarmil vegetaranoj, kiuj tamen ne ĉiuj estas organizitaj en la Bulgara Veg.-Asocio. Ekzistas dekdu vegetaraj manĝejoj en diversaj urboj de la lando. Poste donis sian malgrandan raporton D-ro Fr. S. Onderdonk.



S-ino ISBRÜCKER

La kunsido aklame reelektis la estraron de la V. L. E.

S-ro Mitkov opiniis, ke estus pli bone, se la bulteno „Vegetarano" aperus ĉiumonate anstataŭ kvaronjare, kaj oni decidis, lasi tion ĉi al la redaktanto de la bulteno.

Oni esprimis la deziron, ke Esperanto fariĝu ne nur permesata lingvo de la Internacia Vegetara Unuiĝo (kies anoj estas la naciaj veg. societoj), sed ĝia ĉefa oficiala lingvo. Kun plezuro oni konstatis, ke la sekretariino kaj la kasisto de tiu unuiĝo jam lernis Esperanton.

Pro tio, ke de nun la societa jaro de la V. L. E. estos la kalendara jaro, la unua numero de la nova jarkolekto de „Vegetarano" aperos en januaro 1925, anstataŭ oktobro 1924. Ekstra numero de la nuna societa jaro en oktobro pro financa motivo ne povos aperi.

Ĝen. sekr.-kasisto *Bünemann.*

## Internacia Ligo de Bontemplanoj Esperantistaj.
(I. L. B. E.)

Dimanĉe, la 10an, vespere, okazis la unuan fojon en la mondo solena kunsido de Bontemplanoj esperantistaj en la hejmo de la Vien'aj gefratoj de la Internacia Ordeno de Bontemplanoj (I. O. G. T.). Konsiderante la fakton, ke kontraŭ tiel internacia malamiko de la homaro, kiu estas la alkoholo, nur utilas ankaŭ internacia kontraŭbatalantaro, la ĉeestantoj fondis Internacian Ligon de Bontemplanoj Esperantistaj (ILBE) kun jenaj du taskoj: disvastigi Esperanton en la bontemplanaro kaj la ideon bontemplanan, la batalon kontraŭ alkoholo en la esperantistaro. La iama ordenestro, nia en tuta mondo konata batalanto kontraŭ la alkoholismo, la fama profesoro D-ro August Forel en Yvorne, Svislando, letere salutis tre kore la kunsidon. Ĉi tiu historia kunveno postlasis en ĉies koroj plej bonan impreson kaj finiĝis per la entuziasme kantita Esperanto-himno.

Ĉiuj interesuloj sin turnu al la prezidanto de la I. L. B. E. D-ro Joseph Longo, Mödling apud Wien, Kürnbergergasse 9.

## Kunveno de esp. Blinduloj.

Je la dua fojo mi havas la plezuron kaj honoron saluti vin kiel sekretario de la Internacia Esperantista Blindulkongreso.

Ĉi tiun jaron ni jam festas nian kvaran kongreson kaj certe la laboro estas tre grava.

Se vi, vidantoj, havas nian UEA, ankaŭ la blindaj gefratoj havas sian UABE, Universalan Asocion de Blindaj Esperantistoj. Kaj kvankam ĝi nur ekzistas de post unu jaro, kvankam nur fondita dum nia IIIa en Nürnberg, ĝi nun havas jam firman bazon kaj laborplenan programon.

Ĝiaj celoj estas diversaj, sed bone definitaj, celantaj ĉiuj la plibonigon de la blindulstato. Ĝi jam naskigis kelkajn idojn, nome sekciojn por blindaj muzikistoj, por blindaj gemetiistoj, por masaĝistoj, kaj tiuj sekcioj per serioza laboro ja baldaŭ solvos diversajn gravajn demandojn.

Ankaŭ fako por radiado estas projektata.

Ne kredu do, ke blindulo estas sentaŭga kunhomo, ŝarĝo por sia familio kaj la ŝtato. Ne, blindulo volas kaj povas labori kaj akiri valoran situacion en la homo socio. Nur la antaŭjuĝoj kontraŭstaras lian emancipadon, kiel la lingvaj baroj kontraŭstaras la homaran interkompreniĝon.

Helpu nin forpeli ĉi tiujn antaŭjuĝojn. Per paca laboro ni antaŭenigu la bonan kaj ĝustan komprenon pri la blinduldemando.

Helpu ankaŭ kuraĝigi niajn blindajn esperantistajn gefratojn per subteno de la internacia esperanta gazeto porblindula „Esperanta Ligilo“.

„Esperanta Ligilo“, la lumo de niaj senvidaj samideanoj. La lumo de ilia vivo, per kiu ili „vidas“ tra la tuta mondo. Same kiel la suno ne plu subiros ĉe la esperantista ĉielo, same ĉi tiu suno daŭre brilu. Ne permesu, ke ĉi tiu suno malaperu el la ĉielo de la blindularo.

Vivu „Esperanta Ligilo“!

Donacojn daŭre akceptas S-ro honora kasisto *W. P. Merrick*, Woodleigh, Shepperton, Anglujo.

## Unua Kunveno de Tutmonda Esperanto-Asocio Junulara.

Vendrede kaj sabate okazis la unuaj kunsidoj de T. E. A. J., kiuj ambaŭ, malgraŭ ke la kongresanoj ne aperis en granda nombro, tamen tre bone sukcesis. La decidoj, kiujn la kunsido akceptis, estas tre gravaj por la vivo de la asocio kaj samtempe por la tuta junulara movado, do oni certe povas esperi, ke per tiuj ĝustaj decidoj la asocio povos plue konstante disvolviĝi.

La kunsidojn ĉeestis ĉirkaŭ 30 personoj, kiuj grandparte estis jam delonge membroj de T. E. A. J. Post la malfermaj vortoj de samideano Rudolf Pivl, oni elektis laŭ la propono de samideano Andreo Rácz la komitaton de la asocio konsistanta el Rudolf Pivl, prezidanto; Andreo Rácz, vicprezidanto; Alfred Neupert, administranto. Oni akceptis novan regularon. Oni elektis redaktan komitaton por la gazeto: R. Pivl por la oficiala parto, A. Rácz por literaturo kaj Esperanto-movado kaj A. Neupert kiel respondecan redaktoron. La komitato por la Junula Biblioteko konsistas el la prezidanto kaj vicprezidanto. La kunsido pritraktis poste la rilatojn kun diversaj Esperanto-asocioj, kiujn ĝi intencas koncentrigi en T. E. A. J.

---

## Esperantista Literatura Asocio.

Administracio: Paul-Gerhardt-Str. 22., Dresden-A. 19, German.

*Oktobra raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

**Protokolo**

de la 3a kunsido dum la 16a Kongreso en Vieno, la 13. 8. 24, je la 3a posttagmeze. Prezidas F-ino Zschepank, atentiganta pri du punktoj de la tagordo ankoraŭ priparolotaj.

F-ino Ireland, Brighton, aludas la temon: Ĉu traduko devas esti laŭvorta kaj laŭstila, aŭ ĉu ĝi estu libera laŭ stilo de la tradukanto. Ŝi opinias necesa, konservi la stilon de l' aŭtoro.

Prezidantino diskutigas la temon.

Profesoro Christanell rekomendas, konservi la karakteron de la originalo. Oni obeu la tezon: En verko ĝenerala skribu simple, per ordinara vortordo kaj facile komprenebla stilo. En verko scienca oni povas apliki maloftajn vortojn kaj terminojn kaj eĉ stilon ne tuj kompreneblan por ĉiu leganto. Ĉiam oni skribu nepre internacie!

F-ino Ireland kaj S-ro Illing aprobas la ideojn de la paroladinto kaj akcentas, ke oni ne malhelpu la verkistojn per obstinaj reguloj. Oni akcelu artan evoluon de la lingvo.

P. resumas la ideojn aŭditajn, konstatante ke unuflanke ni klopodu konservi la karakterizan stilon de la originalo. Aliflanke ni klopodu internaciigi la stilon de la tradukaĵo, kio estas nur ebla, se ni detale studadas kaj pense penetras en la originalon. Ni anstataŭigu naciismojn ne sufiĉe kompreneblajn per alia bildo, konata kaj uzata en Esperanto. Poemojn ni prefere traduku „libere“, t. e. ni redonu la idean enhavon, konservante la karakteron de la formo originala.

S-ro F. W. Illing parolas pri „Esperanto-scienco en estonteco“. Esperanto estas ne nur ilo de sciencoj, sed mem objekto de scienco. Pro la arta ekzisto de Esperanto la historio nedisputeble decidos, ĉu Esperanto efektive estas lingvo. Tial S-ro Illing preferas originalojn al tradukoj. En ili la lingvo evoluos. Speciala esperanta temo estas: „La interna ideo, internaciismo kaj esperantismo“. (Paranteza rimarkigo: oni diferencigu inter esperantistoj kaj esperantismanoj.) Niaj travivaĵoj animaj, idealaj eble evoluigos stilon aparte Esperantan, kiu influos ankaŭ nacilingvajn verkojn. Eĉ por neesperantistoj la vortaro, la historio de la lingvo, bibliografio, historio de Zamenhof ktp. estas esplorindaĵoj. S-ro I. ne estas optimisto kredanta, ke eble jam morgaŭ estiĝos esperantologio kun aparta scienca gazeto. Tamen li opinias, ke per korespondado inter la E. L. A.-anoj oni sukcesos trovi personojn konintajn D-ron Z., sciantajn partojn de la E.-historio k. c., eĉ se ili ne estas esperantistoj. Oni trovu riĉulojn, por finance subteni tiun projekton. Oni ja devos presigi la rezultatojn de tia enketo por vivigi esperantologion.

Profesoro Christanell rimarkigas, ke la scienco ne estu distranĉata. Oni ja povas jam nun kolekti la raritaĵojn antaŭajn.

E. L. A. aperigu artikoletojn pri la temo jus aludita, por ke la adresoj de ĉiuj, sciantaj ion pri la pratempo de esperantismo, kiel eble plej baldaŭ estu konataj. Jam estas urĝa tempo!

„Oni“ fine tuŝas la demandon de lernolibro, kaj profesoro Christanell proponas verki lernolibron en Esperanto laŭ la moderna metodo de Merten.

Prezidantino dankante al ĉiuj batalantoj kaj kunlaborantoj fermas la kunsidon je la $4^{1}/_{4}$ª.

Protokolis: D-ro *Blaas.*

*

El la tri protokoloj pri fakaj kunsidoj — la du unuaj aperis en la antaŭa numero — niaj ŝatataj kolegoj ne povintaj ĉeesti en Vieno vidas, ke E. L. A. ne mallaboris dum la kongreso.

Ni petas ĉiujn, speciale atenti niajn rezoluciojn kaj el ili speciale tiun pri obeo al la Lingva Komitato. Estas treege grave, ke niaj esperantaj verkistoj, literaturistoj kaj tradukantoj modele uzu nian lingvon kaj ke ili senescepte apliku vortojn (radikojn) oficialigitajn de la L. K.

Nia altestimata prezidintino, S-ino M. Hankel, korĝoje akceptis la honoran prezidantecon de E. L. A. Ŝi skribas, ke la salut-telegramo estis granda ĝojo por ŝi, kaj ŝi esprimas al la „diligenta kolegaro“ sinceran dankon por tiuj decido kaj elekto.

Iom malfrue — ĉar pli frue ne estis eble, ni esprimas tutkorajn bondezirojn je la 70ª naskiĝtago al nia tre ŝatata ano S-ro Gottgetreu en Hannover.

Regule diversaj gazetoj al nia asocio senpage estas sendataj. Al la afablaj sendantoj koran dankon! Ni hodiaŭ nur povas citi tiujn kiuj alvenis post la kongreso, sed laŭeble ni diros kelkajn vortojn pri senditaj gazetoj en ĉiu raporto.

„Litova Stelo“, kiu bonege nin konatigas kun vivo kaj agadoj de Litovujo, ne nur per interesa teksto, sed ankaŭ per portretoj de litovaj ministroj.

Tre agrable estas legi en tiu numero la „Litova nacia himno“ — Litova teksto apud esperanta —; bela flua poemo (la traduko) de nia ĉie konata poeto, prelato Dombrowski. Ĉi tiu himno montras grandajn amon kaj sopiron de la litovoj al virtoj ĉiuspecaj, al internaj lumo kaj suno.

„Hebrea Esperantisto“, novaperinta gazeteto, multobligita manskribaĵo, pro tiu ĉi lasta fakto bedaŭrinde malbone legebla. La enhavo: Tradukoj de „La Azrao“ de Heine, de proverboj el la Talmud k. c. kaj versaĵeto „La verda steleto“ impresas sufiĉe interese.

„Literatura Mondo“. Per rezolucio akceptita de la dua faka kunsido en Vieno ni estigis oficialajn rilatojn kun ĉi tiu gazeto. Niaj membroj estas petataj, fariĝi kunlaborantoj de tiu pure literatura kaj arta E.-gazeto; ni krom tio konstante varbu novajn abonantojn por ĝi. La lasta numero distingiĝas per speciale belaj, profundsentaj poemoj lirikaj. Bonege skribitaj estas la originala rakonto „La fantoma edzino“ kaj la traduko „Romantikulo“. Ankaŭ la aliaj tradukoj estas nepre ŝatindaj kaj laŭdindaj. Ni citu ankoraŭ la tre legindan artikolon pri la pentristo Uhde kun kvar bildoj de li. „Antaŭ la kongreso“ estas burleska tamen ne literatura legaĵo.

La Hungara Esperanto - Instituto anoncas la eldonon de majstro-verko de Emeriko Madách „La tragedio de l' homo“, tradukita de K. Kalocsay. Ĉi tiu verko rajtas aparteni al la mondliteraturo, kio certe efektiviĝos per Esperanto. Kun ĝoja malpacienco ni atendas ĝian aperon.

Pri ricevitaj libroj kaj manuskriptoj, pri novaj membroj kaj kotizopago ni parolos en la proksima raporto.

Jen hodiaŭ nur ankoraŭ la kvitancoj al kotizoj por 1924, senditaj antaŭ la kongreso: S-ro Paul Trarbach (2 M. gm.), Hans Poensgen (2 M. gm. — donaca kotizo), kolonelo Zwach (50 000 kr. a.), August Junker (3 M. gm.) kaj F-ino R. Loewe (3 M. gm. por la unua duono de 1924).

*Johanna Zschepank.*

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro **Alfred E. Wackrill,** ano de Esperantista Akademio kaj unu el la pioniroj de nia movado en Granda Britujo, mortis la 16 aŭgusto 1924 post nelonga malsano. Dum kelka tempo li estis redaktoro de „British Esperantist“ kaj inter liaj poresperantaj laboroj estas citindaj la revizo de la traduko de l' Nova Testamento. Li tradukis aŭ kompilis la „Venecia Komercisto“, „Ok noveloj de Arnold Bennett“, „Esenco kaj Estonteco de Lingvo Internacia“, „Konkordanco al la ekzercaro“, kaj aliaj verkoj de alta valoro. Li atingis aĝon de 62 jaroj kaj lasas vidvinon kun du filoj.

S-ino **Rozanova,** esperantistino en Barnaul. I. Ŝ.

F-ino **Antonie Janalíková,** vicdelegitino de UEA en Bystřice (Ĉeĥoslovakio).

S-ro **Emeriko Tóth,** ano de UEA 16 853, bankestro en Velké Šurany, Ĉeĥoslovakio.

S-ro **Bohumil Ludvik,** delegito kaj longjara membro de UEA en Kostelec n. č. Lesy, Ĉeĥoslovakio.

S-ro **Gaudencio Vazquez,** delegito de UEA en Nerva, Hispanio.

**Antal Zsigmond de Zsigmondháza,** unu el la plej malnovaj UEA-delegitoj mortis en la hungara urbo Sopron 56 jara. Li estis mezlerneja profesoro kaj atingis grandan estimon en la urbeto. Pro lia malsano li ne povis aktive labori en la lastaj jaroj. Kiam oni funkciigas antaŭ la milito la distriktajn delegitojn, li estis inter la unuaj kaj laboris per paroladoj kaj propagand-artikoloj por nia movado. P. B.

F-ino **Treszka Forgon,** del en Debreczen (Hungario) subite mortis 16 julio 1924, atinginte nur 22 jarojn. La hungaraj esperantistoj kaj UEA perdis en ŝi ageman, fervoran helpanton neforgeseblan. P. B.

**Roberto Antoniolli,** Trieste, mortis la 10 julio, fervora kaj nelacigebla samideano. Veninte antaŭ du jaroj el Trento, kie li estis vicdelegito de UEA, li montris egan fervoron por nia alta idealo kaj senlace agis por ĝia disvastigo. La mortinto ĉeestis regule ĉiujn niajn kunsidojn kaj partoprenis ĉiam niajn konversaciojn. Ĉiam ĝentila, afabla eĉ bonhumora, neniu estus supozinta, ke nia amiko estus fininta per memmortigo. La entombigon partoprenis ĉiuj gesamideanoj de Trieste kun la esperantista flago. Multenombraj ankaŭ la eksbatalintoj kaj la membroj de la trenta legiono kun la societaj flagoj. En „Piazza Garibaldi“ la prezidanto de la eksbatalintoj, Advokato Camber, parolis en nomo de sia societo. Sekvis funebra parolado de prezidanto de nia esperantista grupo, Kav. D-ro Ghez, kiu en nomo de ĉiuj gesamideanoj de Venezia Giulia donis la lastan saluton al la kara mortinto. Pacon al liaj cindroj.



# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilusriaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

Atentigo!

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Petoj kaj Proponoj

Internacia Komerco.

**Arĥitekturistoj.** S-ro Jukiĉi Jasuda, studento de la Arĥitektura Fakultato en Kioto, Imperia Universitato, Japanio, deziras interŝanĝi PI, fot-aĵojn de konstruaĵoj, teatroj, ornamaĵoj.

**Eltrovo.** S-ro Arnold Kertész, Novi-Sad, Cetinska ul. 3, Jugoslavio, serĉas reprezentantojn el ĉiuj landoj por sia leĝe patentita eltrovo. Ĝi estas tre profitdona. La reprezentantoj estos honorotaj dum 15 jaroj je tre favoraj kondiĉoj. Interesuloj turnu sin al notita adreso. Pruvu la praktikecon de nia lingvo.

**„Esperanto"** N-roj 263 (7) kaj 264 (8) el 1922 serĉataj! S-ro Jan Molnár, Praha, Dejvice 309, Ĉeĥoslovakio, bone pagos ilin.

**Fabrikanto** kaj eksportanto serĉas agentojn nur solidaj enŝtalaĵoj, celulojdaĵoj, kaŭĉukaĵoj, ŝtrumpaĵoj, ornamaĵoj, rubandoj ktp. por tre bonaj procentaĵoj. Paul Plate, Elberfeld, Lärchenstr. 11, Germanujo.

**Importo — Reprezentado — Eksporto.** Schernikau & Co., Schleusenstr. 4, Frankfurt a. Main, Germanujo, firmo fondita en 1902, peras ĉiuspecajn negocojn, korespondas angle, esperante, france, germane, itale. Posedanto estas malnova samideano.

**Intertol** de Paul Lechler, Stuttgart, Germanujo, Kronenstr. 50, bonega nigra lakaĵo, kontraŭrusta sur feron, ankaŭ sur lignon ktp.; prospektoj en multaj lingvoj. Laŭsperte tre rekomendas P. Christaller, Stuttgart.

**Laboro.** Germana senofica instruisto, 23-jara, serĉas en- aŭ eksterlande postenon komercan aŭ privat-instruistan, plej volonte postenon, kiu postulas la scipovon de Esperanto. Heinrich Eilert, vicdel. de UEA, Egeln bei Magdeburg, Ritterstr. 21, Germanujo.

**Laboro.** Gesamideanoj! Kiu estus bonvola helpi esperantistan samideanon, kiu tre ŝatus labori en kia ajn eksterlanda ŝtato. Mi estas 22-jara fraŭlo, seruristo kaj elektra muntisto, mi finis ankaŭ industrian lernejon. Mia adreso estas: Johanó Bartos, Szombathely, Rozsa u. 35, Hungario.

**Laboro.** S-ro Févre, chalet Laulin, Boulevard Deganne, Arcachon-Gironde, Franc., petas servistinon por ĉion fari.

**Libertempo.** Kiuj bonkoraj gesamideanoj gastigus delikatan, 10-jaran, simpatian knabineton, bezonantan sudan sunon kaj varmon por fortigi. Proponojn kun kondiĉoj petas samideano Karl Wehsely, Wien XII, Steinhagegasse 3, Aŭstrio.

**Libroj** kaj gazetoj esperantistaj, multaj duoblaĵoj, vendeblaj aŭ interŝanĝeblaj, inter kiuj plena kolekto de la „Revuo". Listo kaj prezoj kontraŭ respondkupono. S-ro Deligny, delegito de UEA, 4 Rue Allent, St. Omer (P. d. C.), Franclando.

**Libro pri ĉina vivo.** Konsistas el poemoj, rakontoj k. a. tre interesaj. Verkita de V. Eroŝenko. Sendebla kontraŭ 2 sv. fr. aŭ egalvaloro. Ĉe Hujucz, Eastern Miscellany, Commercial Press, Shanghai, Ĉinio.

**Maŝinojn,** ilojn ĉiuspecajn, precipe agrikulturajn, aĉetas S-ino Marthe Petit, UEA-delegitino, Chabot-Charny, Dijon, FrancIando. Unuarangaj referencoj. Vendas lastnovan, mirindan multkopiilon neeluzeblan; kopiaĵoj, desegnaĵoj netaj kiel litografiaĵoj; kliŝoj senfine uzeblaj. Donacon al tiu kiu certe informos pri maŝino por en arbaro fabriki lignokarbon kaj rikolti lignoacidojn. Ĉu en Hungarlando.

**Murbildoj.** Mi aranĝas murbildan internacian ekspozicion, kaj vin petas tuj sendi al mi diversspecajn murbildojn, kiuj estas kun instrua praktika senco por plimulte da homoj, ekzemple por komercistoj, por vilaĝanoj, por turistoj aŭ por la gejunularo ktp. Karikaturaĵojn, simbolaĵojn mi ankaŭ deziras. La tekston oni traduku esperante. Al la sendinto de ĉiu bildo mi daŭre respondas kaj sendas bulgaran originalon egalvaloran. Dek bildojn mi premios po 200 levoj (al la sendinto). D. Popov, artisto, straton Venelin 24, Sofio, Bulgarujo.

**Ornamaĵojn** memfaritajn (ĉizitajn kaj martelitajn) el arĝento, latuno kaj kupro (figurajn kaj ornamartajn) ofertas je moderaj prezoj Ursula Bach, Münster (Westf., Germ.), Kuhstrasse 17, II. Deziras ankaŭ ŝanĝon de samvaloraj ankaŭ antikvaj aĵoj.

**Perado.** S-ro Wilhelm Schernikau, Schleusenstrasse 4, Frankfurt a. M., peras ĉiuspecajn negocojn, importas, reprezentas, eksportas (vidu ankaŭ en la jarlibro sub Esp. Entreprenoj). Vendas kaj interŝanĝas PM.

**Perado.** S-ro Giordano B. López, San Juan 1874, Buenos Aires, Argentino. Reprezentas eksterlandajn firmojn pri ĉiuspecaj komercaĵoj, deziras interrilati kun eksportistoj, importistoj de ĉiuspecaj artikloj. Sendu katalogojn, prezarojn kaj specimenaron.

**Poŝtmarkoj.** S-ro H. Wolfschmitt, Klenzestr. 99, I, München, sendas kontraŭ unu dolaro usona aŭ sama valoro 50—100 germanajn poŝtmarkojn.

**Poŝtmarkoj.** Filatelistoj! Kontraŭ antaŭpago de dolaro 0.50 usona aŭ de egalvalora mono mi sendas 125 diversajn poŝtmarkojn, por dol. 0.50 200, por dol. 1.50 500, por dol. 2.— 700, por dol. 3.— 1000, por dol. 6.50 2000 diversajn poŝtmarkojn. J. Rosenbaum, Siebenhufenerstr. 17, Breslau 3, Germanio.

**Poŝtmarkojn** bulgarajn mi deziras interŝanĝi kun alilandaj. Skribu al K. Velĉev, ul. Vrabĉa 1, Sofia, Bulgario.

Kontraŭ neuzitaj poŝtmarkoj de
Italio, S. H. S., Francio, Anglio, San Marino, Saarteritorio, Belgio, Norvegio ktp.
mi donas eŭropajn maloftaĵojn.
**Jan Oulehla**
**Skřivany Nový Bydžov (Ĉeĥoslovakio).**

**Poŝtmarkoj.** Por 4000 (1500) poŝtmarkoj miksitaj, purigitaj (Turkio kaj Ekstereŭropo duono) de via lando, en kiuj devas esti almenaŭ 75—120 [laŭ landoj] (60) poŝtmarkoj malsamaj, vi ricevos belan kolekton de 1000 (500) poŝtmarkoj malsamaj diverslandaj en paketo, kiu estas ankaŭ vendebla po 14 (4) frankoj svisaj aŭ egalvaluto krom afranko. Mi ne sendas unue. Sendu tuj rekomendite, sed el proksimaj landoj antaŭ sendaĵo skribu! Interŝanĝo pogrande kaj laŭ mankolisto. Petu prezaron de „Pošta československá 1919" ktp. de J. Kunc, Podjedlina p. Rychnov n. Kn., Ĉeĥoslovakio.

**Poŝtmarkoj** bulgaraj por la militkaptitoj, sendifektaj, 5 kompletaj serioj, ŝpampitaj aŭ neŝtampitaj, mi vendas nur kontraŭ 1 dolaro aŭ egalvaloro. Asen Grigorov, bul. Ev. Georgiev, 96, Sofia, Bulgario.

**Poŝtmarkoj.** Boris P. Kavaljiev, delegito de UEA en Rjahovo, Rusensko, Bulgario, vendas ĉiujn bulgarajn poŝtmarkojn per kompletaj serioj aŭ laŭ mankolisto. La poŝtmarkoj estas perfektaj kaj aŭtentikaj, prezoj favoraj, prezaro senpage.

**Poŝtmarkoj.** Filatelistoj! Mi vendas maloftajn germanajn surpreso-poŝtmarkojn, 1 serio 4.20 ormarkojn, 3 serioj 10.50 kaj 10 serioj 30 ormarkojn afranke. Heino Lange, Syke (Hannover), Bassumerstr., Germanujo.

**Radio.** Henri Dubbuisson, 18 rue Bellevue, Le Hâvre, deziras komerci kun gravaj firmaoj kiuj fabrikas elektrajn artiklojn precipe senfadenajn telegraf- kaj telefonaparatojn kaj akcesoraĵojn.

**Riprezentoj:** donas garantiaĵo Quirino Imeldi, Genova, Casaregis 25 A, kaj Savona, Via Paleocapa 19, telefono 3-06.

## Korespondado

Interŝanĝo da objektoj.

### Ameriko.

**Bahiá Blanca** (Argentino). S-ro leŭtenanto Arturo Vilches, str. Thompson 141, PM kĉl., ne sendi bagatelojn.

**Blairsville** (Penna., U. S. A.). S-ro Robert S. Woolf, P. O. Box 103, PI kĉl., bfl kun seriozaj esperantistoj.

**Buenos Aires** (Argentino). S-ro Giordano B. López, San Juan 1874, petas al siaj PI- kaj PM-gekorespondantoj, ke ili atendu pacience respondon.

**Cleveland** (Ohio, U. S. A.). S-ro Walter A. Donner, PI kĉl.

**Juncal** (F. C. C. A., Argentino). S-ro Juan Miliĉiĉ Ivotov, komercisto, PI, L kĉl.

**Los Angeles** (Cal., Usono). S-ro Roy Johnson, 1515 Mansfield Avenue, L pri seriozaj temoj.

**Mexico** (D. St.). S-ro M. C. Rodriguez, Apartado 2482, PM kun afrikanoj, azianoj kaj hindanoj.

**Moundsville** (U. S. A., Va.). S-ro Herbert W. Scott, 1312 Purdy Ave., PM, prefere kun malnovaj filatelistoj aŭ ekstereŭropanoj. Ne sendas unue, nepre due.

**New York** (Usono, New York). S-ro James P. Morton, Jr., 211 West 138 th. St., PM kĉl., prefereble per manklistoj laŭ katalognombroj de Yvert aŭ Scott.

**Palo Alto** (U. S. A., Cal.). S-ro Fred C. Sauer, L pri politika ekonomio.

**St. John's** (Newfoundland). Pastro R. E. Fairbairn, L pri rusaj aferoj religiaj.

**Tacubaya D. F.** (Mexico). S-ro M. A. de Anda, la Artes 9, PM kĉl., precipe neamerikanoj.

**Tampico** (Mexico). S-ro Leopoldo Hernández, G., poŝtoficejo, L, PK kĉl.

**Tampico** (Mexico). F-ino Mathilde Jaquel de Guerra, L, PK kĉl.

**Tampico** (Mexico). S-ro Rafael Jasso, poŝtoficejo, L, PK kĉl.

**Tampico** (Mexico). S-ro Alonso Tovar, P. O. B. 192, PK, PI kĉl.

**Tampico** (Mexiko). S-ro Isaias F. Fajordo, poŝtoficejo, PI, L kĉl.

**Tampico** (Mexico). S-ro Teodoro R. Mendoza, poŝtoficejo, PI, L kĉl.

**Tampico** (Mexico). S-ro Ernesto E. Guerra, L, PI kun sinjorinoj kaj fraŭlinoj.

**Tampico** (Mexico). S-ro Andrés Martinez, Esperanta grupo „Anahuac", L, PK kĉl.

**Watson** (Sask., Kanado). S-ro C. H. Crossman, L kun lertaj fraŭlinoj (protestantinoj) 20—30-jaraj.

### Azio.

**Barnaul** (Siberio, Altaja gub.). Lernantoj de lernejo de tria kominterno.
S-ro D. Taskin, Skola III kominterna, L, PI kĉl. pri popolaj moroj.
S-ro N. Kostin, Skola III kominterna, L, PI kĉl.
S-ro V. Starcev, Skola III kominterna, L, PI kĉl.
S-ro A. Rubanoviĉ, Skola III kominterna, PM, PI kĉl.
S-ro Bob. Osipov, Skola III kominterna, PM, papermono, lerneja sporto.
S-ro Georgo Sinajskij, Skola III kominterna, PI, sporto kĉl.
S-ro V. Butorin, Skola III kominterna, PM, papermono kĉl.
S-ro A. Meĉev, Skola III kominterna, PI, PM, sporto, papermono kĉl.
S-ro J. Gennadiev, Skola III kominterna, L, PK, sporto en lernejo kĉl.
F-ino T. Bojarinceva, Skola III kominterna, PI pri virina klerigado kĉl.
S-ro A. Vasiliev, Skola III kominterna, PM, PI kĉl.

**Dairen** (Manĝurio, Japanio). S-ro S. Josio Obana, mekanika inĝeniero, 2 Nogimachi, PI.

**Jerusalem** (Palestino). S-ro Isaak Gurjan, Nachlatshiva, ĉiuspecajn orientajn ornamaĵojn, Palestino-memoraĵojn kaj -produktaĵojn elsendas poŝtpakete kontraŭ monricevo.

